MAJO 1935 Aperas dekfoje dum la jaro KVARA NUMERO

# Literatura Mondo

DUA PERIODO
KVINA JARO

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**
Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Petu detalajn informojn.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, Melbourne 185 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 172. Poŝtkonto Nr. 162.626.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

# La honesta urbo

— Dezső Kosztolányi —

— Do, ĉu vi venas kun mi? — demandis Kornél Esti.

— Kun ĝojo — mi kriis. — Ĝisĝorge min naŭzas ĉi tiu multa malhonesto.

Mi ensaltis en la aeroplanon. Ni muĝis, rondflugis.

Ni rondflugis kun tiel abisma rapido, ke apud ni kapturniĝis la rokaj agloj kaj la hirundojn trafis apopleksio.

Baldaŭ ni descendis.

— Jen ĝi estas — diris Esti.

— Ĉu tiu ĉi? Ja ankaŭ ĝi estas ĝuste la sama kiel tiu.

— Nur de ekstere. Interne ĝi estas alia.

Piede ni paŝadis en la urbon, por ke ni povu ĉion detale pririgardi.

Plej unue min surprizis, ke la preterpasantoj apenaŭ salutis unu la alian.

— Ĉi tie nur tiu salutas la alian, — klarigis Esti — kiu efektive amas kaj respektas la koncernulon.

Almozulo kun nigraj okulvitroj kaŭris sur la asfalto. Ladtelero estis en lia sino. Sur lia brusto kartonfolio:

»*Mi ne estas blindulo. Nur somere mi portas nigrajn okulvitrojn.*«

— Kial do skribis tion la almozulo?

— Por ke li ne mistifiku la almozdonantojn.

Sur la bulvardo lukse brilaj vendejoj. En spegula montrofenestro mi legis:

»*Piedkripligaj ŝuoj. Kalo, absceso garantiata. Oni jam amputis la piedojn de pluraj niaj aĉetintoj.*«

Kolora, klariga bildo montris, kiel per grandega ŝtalsegilo du kirurgoj tranĉas de radiko la piedon de la krieganta viktimo, kaj lia sango en ruĝaj rubandoj fluetas malsupren.

— Ĉu ĝi estas ŝerco?

— Tute ne.

— Ha jes! Tribunala verdikto devigas la komerciston, ke li tiel hontstampu sin?

— Absolute ne — mansignis Esti malestime. — Tio estas la vero. Ĉi tie la veron neniu kaŝas sub buŝelon. La memkritiko en ĉi tiu urbo jam estas tiel altgrada, ke ĉispecan aferon plu oni ne bezonas.

Kiam ni pluiris, mi trafis el unu miro en alian.

Sur vestvendejo bruis ĉi tiu anonco:

»*Multekostaj kaj aĉaj vestoj. Bonvolu marĉandi, ĉar ni trompas vin.*«

Sur restoracio:

»*Nemanĝeblaj manĝaĵoj, netrinkeblaj trinkaĵoj. Pli malbone ol hejme.*«

Sur sukeraĵejo:

»*Malnovaj kukaĵoj faritaj per margarino kaj ovsurogato.*«

— Ĉu frenezaj ili estas? — mi balbutis. — Aŭ sinmortigkandidatoj? Aŭ sanktuloj?

— Saĝuloj — respondis decide Esti. — Ili mensogas neniam.

— Kaj ĉu ili ne bankrotas pro ĉi tiu saĝeco?

— Rigardu iliajn butikojn. Ĉiu estas plenplena. Ĉiu prosperas.

— Kiel povas esti tio?

— Jen, atentu. Ĉi tie ĉiu scias pri si, — kaj ankaŭ pri sia kunulo, — ke li estas honesta, sincera, modesta kaj prefere malgrandigas ol pligrandigas sin, plie malaltigas ol altigas la prezojn. Tiamaniere la ĉi tieaj ne kredas absolute vera, kion ili aŭdas aŭ legas, tutsame kiel vi, hejme. Inter vi kaj ili estas nur tiu diferenco, ke ĉe vi, el la asertoj de la homoj oni ĉiam devas depreni ion, tre multon, kaj ĉi tie ĉiam oni devas aldoni ion, tre malmulton. Viaj varoj kaj homoj ne estas tiom eminentaj, kiel oni asertas. La ĉi tieaj varoj kaj homoj ne estas tiom aĉaj, kiel oni asertas. La du aferoj propre egalas. Laŭ mi, tamen la lasta metodo estas la pli honesta, la pli sincera, la pli modesta.

En la montrofenestro de librovendejo la novaĵoj kolorpapere banderolite tamburis la sciigon:

»*Nelegebla balaaĵo...*« »*La lasta verko de la paralizita maljuna verkisto, el kiu ĝis nun vendiĝis eĉ ne unu ekzemplero...*« »*La plej naŭzaj, plej afektaj poemoj de Ervin Stertor.*«

— Nekredeble — mi konsterniĝadis. — Kaj ĉu oni aĉetas ĉi tiujn?

— Kial oni ne aĉetus ilin?

— Kaj ĉu oni ankaŭ legas ilin?

— Ĉu eble ĉe vi oni ne legas similajn aĵojn?

— Vi pravas. Sed tie oni almenaŭ alimaniere prezentas ilin.

— Mi ripetas: tiu ĉi estas la urbo de la sinkono. Se iu konscias bone, ke li havas malbonan guston kaj ŝatas la tondrosonajn frazojn, — tion, kio estas malplena, malkara kaj afektita, — li aĉetas la poemojn de Ervin Stertor kaj li ne povas per ili trompiĝi, ili ja konvenas al lia gusto. La tuto estas nur afero de taktiko.

Kapturniĝe mi sopiris en kafejon, ke mi tie min refreŝigu.

Esti portis min antaŭ vulgargustan ordekoraciitan kafejon, kiu estis signita:

»*la favorata renkontejo de ĉarlatanoj kaj sentaŭguloj.*«

Komence mi ne volis enpaŝi tien. Mia amiko enpuŝis min.

— Bonan tagon mi deziras — mi salutis.

— Kial vi mensogas? — riproĉis min Esti. — Vi deziras ĉi tie ne bonan tagon, sed vi dezirus bonan kafon, sed tion vi ne povas ricevi, ĉar la kafon oni falsigas per cikorio en ĉi tiu loko kaj ĝi havas guston kiel la duaranga ciro. Mi nur volas montri al vi la ĵurnalojn.

Terure multaj ĵurnaloj estis ĉi tie. Nun mi mencias nur la »*Mensogon*«, la »*Egoismon*«, la *Malkuraĝan vojrabiston,*« kaj la »*Dungiton.*«

La »*Dungito*« sur sia unua paĝo per dikaj literoj komunikas al la publiko kiel konstantan programdevizon:

»*Ĉiu unuopa litero de ĉi tiu ĵurnalo estas pagita. Ĝi dependas egale de ĉiu registaro, neniam ĝi skribas sian opinion, nur tiam, se tion postulas ĝia malpura profitavido. Guste tial ni avertas niajn legantojn, kiujn aparte kaj kune profunde ni malestimas kaj malrespektas, ke ili ne konsideru serioze niajn artikolojn kaj ankaŭ nin ili malestimu tiom, kiom ni meritas, se tio entute eblas per homaj kapabloj.*«

— Grandioze — mi entuziasmis. — Jen, vidu, ĝi vere plaĉas al mi.

— Ĉi tie la verdiro estas tiel ĝenerala, — daŭrigis mia amiko — ke ĉiu egale ĝin ekzercas. Aŭskultu ekzemple la subajn anoncetojn — kaj li komencis legi el diversaj ĵurnaloj:

— »*Plurfoje punita, pundome sidinta kasisto ser-*

# Ĉe la mortintoj

— Oscar Levertin —

En la malnova horkapel'
ĉe l' katedralo, kie
tili' en somermeza bel'
almuras florfolie,
ni kuŝas en skulptita griz',
mi kun la sole kara,
ĉe kor' la kor', en ŝtona ĉiz' —
dormeto jam centjara.

Ni amis, ludis, ŝi kaj mi,
rikoltis grenon pace,
ĝis iam, marte, sidis ni
kaj sentis aĝon lace.
Elfluis el la vitra kav'
la sablo de montrilo,
el mia mano falis glav',
el ŝia la kudrilo.

Ankoraŭ floras en kastel'
— ho, nestis ni sekure —
fenestre balzamin'. Prunel',
sambuko ekstermure.
Ĉe nia vojo de amsol'
purpuras la diantoj,
kaj sonas inter la lupol'
ankoraŭ junaj kantoj.

De l' vivobruo, ĝuo for,
ĉi tie, kar-intime,
dormetas ni. Ĉe mia kor'
la glavo tre proksime.
Sin klinas al kirasmanik'
rompita ŝildblazono.
Ŝi — kun la Skribo sur tunik',
lilio ĉe la zono.

Ke al Kreinto estu laŭd':
sub niaj du statuoj
riveras en ĉizita plaŭd'
la Paradizaj fluoj.
Kaj kiel bele el la urn'
elglitas ili kvare:
facila tint', ludanta turn',
trankvile, somerklare.

Sed inter ondoj la radik'
de Jiŝaj verdas glore,
terglobon ĝia branĉimplik'
priombras tre favore.
Folioj oraj, berfeston':
homsortoj en granito,
kaj ĉiam alten sin la kron'
etendas, al zenito.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

---

ĉas postenon...« »*Nervmalsana edukistino rekomendas sin por etaj infanoj...*« »*Lingvoprofesoro, kiu parolas la francan lingvon laŭ la prusa dialekto, kaj kiu dezirus alproprigi la ĝustan prononcadon de siaj lernantoj, ankoraŭ disponas pri kelkaj liberaj horoj.*«

— Kaj ĉu ili ricevas postenon? — mi demandis konsternite.

— Memkompreneble — respondis Esti.

— Kial?

— Tial, — li diris ŝultro-tirante — ĉar tia estas la vivo.

Li fingropuŝis dikan kajeron, sur kies malhelgriza kovrilpaĝo per malhelgrizaj literoj estis presita io:

— Ĝi estas la plej eminenta beletristika revuo. Oni tre legas ĝin.

— Eĉ ĝian titolon mi ne povas legi.

— Enuo — deĉifris Esti. — Jen ĝia titolo.

— Kio estas en ĝi interesa?

— Tio, ke Enuo estas ĝia titolo.

— Kaj ĉu efektive enuiga ĝi estas?

— Mi ne volas vin influi. Trafoliumu.

Mi legis kelkajn artikolojn el ĝi.

— Nu, — mi diris kurblipe — ĝi eĉ ne estas tiom enuiga.

— Severa vi estas — riproĉis min Esti. — Vane, nenian pretendon oni povas komplete kontentigi. Vian pretendon la titolo tro malgrandigis. Mi certigas vin, se hejme vi legos ĝin, vi trovos ĝin sufiĉe enuiga. Ĉio dependas de tio, el kia vidpunkto ni rigardas la aferojn.

Sur la placo, antaŭ la parlamento iu oratoris al kelkmilnombra amaso:

— Sufiĉas, se vi ĵetas solan rigardon al mia malvasta frunto, al mia vizaĝo, deformita pro besta monavido, kaj tuj vi povas vidi, kun kiu vi havas aferon. Mi scias nenian profesion, sciencon, por nenio mi taŭgas en la mondo, eble nur por tio, ke mi klarigu al vi la sencon de l' vivo kaj konduku vin al la celo. Kio estas tiu celo, ankaŭ tion mi konfesas. Rapide mi volas riĉiĝi, akapari monon, por ke mi havu ĉiam pli, kaj vi malpli. Pro tio mi devas vin poste eĉ pli malsaĝigi. Aŭ ĉu eble vi kredas, ke vi jam estas sufiĉe malsaĝaj?

— Ne, ne — hurlis konsternite la amaso.

— Do, agu laŭ via konscienco. Mian rivalon ĉiu el vi konas. Li estas nobla, senegoista homo, giganta kranio, lumiga cerbo. Ĉu iu estas en tiu ĉi urbo, kiu lin subtenus?

— Neniu — kriegis la amaso, kvazaŭ unu homo.

— Neniu estas — kaj minacaj pugnoj leviĝis en la aeron.

Mallumiĝis.

Mi vagadis en la nokto. Subite ekradiis la nigra firmamento, kvazaŭ leviĝus suno, multaj sunoj, tuta sunsistemo. Flamliteroj fajreris:

»*Ni ŝtelas, trompas, rabas.*«

— Kio ĝi estas? — mi demandis de Esti.

— La lumreklamo de banko — li diris indiferente.

Malfrunokte ni ĵetiĝis hejmen. Ŝajnis al mi, ke la eksterordinaraj travivaĵoj trolacigis min. Febra mi estis. Mi ternis, eĉ tusis. Kuraciston mi petis.

— Kara sinjoro doktoro, — mi plendis — iom mi malvarmumis, gripon mi havas.

— Ĉu gripon? — ektimis la kuracisto kaj retiriĝis en la alian angulon de la ĉambro, kovrinte sian buŝon per poŝtuko. — Do, mi petas vin, forturnu vian kapon, ĉar ankaŭ de ĉi tie, eĉ de kvin metroj, vi povas min infekti. Infanojn mi havas.

— Ĉu vi eĉ ne esploras min?

— Superflue. Kontraŭ gripo ne ekzistas medikamento. Ĝi estas nekuracebla malsano, kiel la kancero.

— Ĉu mi ne ŝvitu?

— Ŝviti vi povas. Sed ankaŭ tio ne utilas. Generale nia scienca sperto estas, ke se ni kuracas la gripon, ĝi povas daŭri tutan monaton. Se ni ne kuracas ĝin, eventuale ĝi povas malaperi jam la postan tagon.

— Eble mi havos pulminflamon?

— Tiam vi mortos — li deklaris.

Li enpensiĝis, poste parolis:

— Frederiko la granda, promenis foje post la batalo sur la batalkampo. Iu el liaj soldatoj, mortanta, ploretante etendis la brakon al li. La imperiestro

# EMMY

— *Janko Alexy* —

Steletoj, vi obeemaj servistinoj de la regno ĉiela, vin mi ŝatus iam sekrete viziti. Iam vespere, kiam mi povus min apogi al la nebulaĵoj, al tiuj lankusenetoj viaj, kaj ni babilus mallaŭte. Vi informus min, kiel oni vin traktas tie super la nuboj, kaj mi rakontus al vi, kio nova okazis ĉi-malsupre inter ni.

Kaj se iam ne estus hejme viaj gemastroj, vi kondukus min en la belegajn ĉambrojn ĉielajn, por kaŝe montri al mi ĉion, kion ili tie havas. Vi elŝovus la tirkestojn de l' grandaj ŝrankoj, fabrikitaj el bonodora ligno de rozarbetoj, kiaj sole en la ĉielo kreskas, kaj vi montrus al mi la perlobroditan tolaĵon de la luno, la arĝentan mantelon de l' suno kaj la diademon, kiun la stelo Venuso printempe metas super sian frunton.

Ne timu, ke dum la montrado mi ŝtelus kelkajn el la perloj; mi scias, ke tion poste nepre rimarkus via mastrino, la blanka luno, kaj forpelus tiun el inter vi, kiu estus suspektata.

Ho, vere mi devus bedaŭri tian steleton, kiun pro mi en la regno ĉiela oni maldungus, kaj ŝi*) devus, perdinte la okulbrilon, kun valizeto en la mano migri tra la nuboj ĉi-malsupren sur nian grizan teron. Certe ŝi larmante elserĉus min kaj mi devus pri ŝi zorgi. Mi devus ŝin trankviligi, konsoli kaj certigi, ke ĉion oni ordos, ke oni trovos por ŝi ian okupon. En komercejo, aŭ prefere ĉe trankvila patricia familio, kie, kvankam ŝi ne ricevus grandan salajron, tamen oni traktus ŝin afable, amike. Mi certigus ŝin, ke ni sendos anoncon al ĵurnalo, kaj tuj ŝi trovos okupon, ŝi ne devos honti, neniu ja ekscios, ke ŝi estas stelo forpelita el la regno ĉiela.

Sed mi scias bone, ke ni — bedaŭrinde — vane atendus rezulton. Nuntempe oni malfacile vivas sur la tero, kaj ŝpari devas ĉiu. Komercisto mem fermas vespere la rulkurtenon sur montra fenestro, sinjorinoj mem lavas la vazaron en kuirejo, kaj por tia estingita stelo oni apenaŭ trovus okupon, se ŝi eĉ servolibreton ne havus.

*) En la slovaka lingvo *hviezda* (stelo) aŭ *hviezdička* (steleto) estas ŝi-seksa; kaj la uzon de la pronomo *ŝi* pravigas cetere la personigo (»servistino de la regno ĉiela«) Rim. de la trad.

Ja ankaŭ Emmy, nia malgranda pozistino en la pentrista akademio, ne povas ricevi okupon pli bonan, pli profitan. Nu vere, ŝi estas germanino, de apud Dresdeno, kaj ni havas en nia lando sufiĉe da niaj homoj kaj sufiĉe da zorgoj, kiel ilin okupigi.

Tamen ne koleru kontraŭ Emmy. Ŝi ne restos tie ĉi longe, ŝi lernas la anglan kaj intencas vojaĝi en Amerikon. Sufiĉas, ke ŝin koleras aliaj pozistinoj, kiuj vane atendas en la koridoro de l' akademio, por ke oni akceptu ilin en iu klaso. Ili ja ne havas tiel bele ondlinian buŝon, tiel ĉarme buklitajn harojn ĉe la oreloj, tiel senkulpecan, naivan rigardon, kiel ŝi. Ho, kiom ŝin envias la ceteraj pozistinoj! La velkintajn buŝojn oni povus ankoraŭ kolori per cinabro, ankaŭ la harojn ili scius tiel plekti ĉe la flankoj, sed la dek ok jarojn, ho, tiujn ili neniam plu reatingos.

Steletoj, belaj steletoj, vi estas vere feliĉaj, ĉar vi neniam paliĝos nek maljuniĝos. Mi ŝatus vin kaŝe viziti. Nenion mi ŝtelus ĉe vi, se vi nur iel klarigus al mi la sekreton, pro kio vi estas ĉiam dekokjaraj. En kia akvo vi lavas vin, kion vi ŝmiras sur viajn harojn, per kio vi orumas ilin, tiel ke ili ĉiam junece brilas? Da tiu orumilo de via junfreŝa aspekto se mi povus de vi iom ricevi! Ne por mi; eĉ sen ĝi mi ja iel pasigos la vivon. Sed pripensu nur, kion faros tia Emmy sen siaj dek ok jaroj! Kiel ŝi vivtenos sin, kiam venos aliaj dekokjarulinoj, kaj ŝia aspekto ne estos plu ĉarma?

Krom la juneco ŝi posedas ja nenion. Ŝia vesto, ha, kiel ĝi estas stranga; grandaj, belegaj floroj sur ĝi, sed kvazaŭ velkintaj, kaj ĝi ŝajnas esti neniam gladita nek lavita. Tiel sin vestas junaj, ŝminkitaj dancistinoj, kiuj antaŭ cirko fumas orumitan cigaredon, por allogi homojn al spektaklo, kiam ili piedfingre sin turnos sur moviĝanta globo.

Kaj tia nomo — Emmy, kun y, kiel ŝi kutimis ĝin skribi — ankaŭ ne estas nuntempe tre simpatia. Ekzistas hodiaŭ tiom da belaj nomoj: Jarmilka, Milada, aŭ ekzemple Tatjana — Emmy estas fremda kaj eksmoda, tute malmoderna.

Kaj sekve mi ne scias, kio estos pri Emmy. La

frapis al li per sia rajdvipo kaj alkriis: »Fripono, ĉu eterne vi volas vivi?« Ĉi tiun historieton mi kutimas citi al miaj malsanuloj. Profunda saĝo estas en ĝi.

— Efektive — mi respondis. — Sed doloras al mi la kapo. Tiel doloras, ke preskaŭ ĝi krevas.

— Privata afero — diris la kuracisto. — Ĝi ne gravas. Ĉu vi scias, kio gravas? Tio gravas, ke al mi en ĉi tiu minuto ne doloras mia kapo. Sed eĉ pli grave, ke vi pagos al mi duoblan honorarion por mia nokta vizito. Donu ĝin urĝe, ĉar mi rapidas.

Li pravis. La postan tagon mi jam resaniĝis. Freŝe, gaje mi rapidis al la urbdomo, ke mi akiru la civitanecan rajton kaj definitive eklоĝu en ĉi tiu honesta urbo.

— Ege mi ĝojas — mi balbutis, kiam mi alvenis antaŭ la urbestron.

— Nu, tion mi ne povus diri, — respondis malvarme la urbestro.

— Mi ne komprenas — mi balbutis. — Ĝuste tial mi faras mian honorviziton, ke mi ĵuru fidelon.

— Tio, ke vi ĝin ne komprenas, supozigas, ke vi estas malsaĝulo. Mi klarigos al vi, kial mi ne ĝojas pri vi. Mi ne ĝojas: unue, ĉar vi ĝenas min, kaj mi eĉ ne scias, kiu vi estas propre. Mi ne ĝojas; due, ĉar vi ĝenas min en komunuma afero, kiam mi okupiĝas nur pri miaj privataj panamaĵoj. Mi ne ĝojas; trie, ĉar vi mensogas, ke vi ĝojas pri mi, el kio mi konkludas, ke vi estas hipokritulo, ne inda por tio, ke vi venu inter nin. Senprokraste mi nun forigos vin police.

Ankoraŭ en la sama horo oni reportis min per rapidigita policaeroplano en tiun urbon, de kie mi tien rifuĝis.

De tiam, ĉi tie mi vivadas. Multo estis pli simpatia tie. Sed mi devas konfesi, ke ĉi tie tamen estas pli bone. Ĉar se la tieaj kaj ĉi tieaj homoj estas proksimume samaj, multe oni povas diri por la bono de la ĉi tieaj. Inter aliaj tion, ke ili, ĉi tie, almenaŭ kelkfoje, kolore, agrable mensogas unu al la alia.

El la hungara: *László Halka.*

# Kanzono

— Georges Vidal —

Se patrinon mi ne havus,
Tra la la la, tra la la,
Se patrinon mi ne havus,
Tuj pirat' mi iĝus ja.

Sur velŝipo klake flirtus
Nigra flag' ĉe l' alta mast',
Kaj el tiu ŝip' konsistus
Mia regno kaj palac'.

Mi venigus la ŝipanojn
El la lando de Babel',
Kaj paĝiojn, korteganojn,
El karcero aŭ bordel'.

Tra ventegoj sur marmezo,
Al atak' mi ĵetus for,
Por konkeroj, en frenezo,
Mian ŝipon kun la kor'.

Se patrinon mi ne havus,
Tra la la la, tra la la,
Se patrinon mi ne havus,
Tuj pirat' mi iĝus ja.

Jen eliĝus mi el fjordo
Per subita ekaper',
De tropik' al frosta nordo,
De batalo al kaper'.

Sur varŝipo mi pacigus
Malsategon per festen'
Holdon ĝian malplenigus,
Karbon rabus kun platen'.

Pendus tuj la komandanto
Ĉe la supro de l' ĉefmast',
Ĉe velstang' la leŭtenanto,
Kaj ceteraĵ sen prokrast'.

Se patrinon mi ne havus,
Tra la la la, tra la la,
Se patrinon mi ne havus,
Tuj pirat' mi iĝus ja.

Tremus palaj timaj rotoj
Antaŭ la krani-blazon',
La ĉapelo, l' altaj botoj,
La ponard' en mia zon'.

Mia voĉo kvazaŭ radoj
Rulbruegus en blasfem'
Por ke sciu kamaradoj:
Mi ne timas Dion mem.

Kaj ĉe tondroj ekkoleraj
Tremus la altan' en knar';
Eĉ bravuloj plej fieraj
Grimpus for en rigilar'.

Se patrinon mi ne havus,
Tra la la la, tra la la,
Se patrinon mi ne havus,
Tuj pirat' mi iĝus ja.

En margrot' kun algornamoj
Estus bela konkubin'
Riĉa je postaj' kaj mamoj,
Kiu arde amus min.

Por kaperitinoj belaj
Starus sur insula bord'
Fortikaj' kun ĉambroj helaj
Kaj kun peza fera pord'.

Vigla korp', anim' malpeza,
Mi atendus en seren'
Ĝis militŝipar' kompleza
Min edzigos al siren'.

Sed patrinon, jen, mi amas,
Tra la la, la, tra la la,
Sed patrinon, jen, mi amas,
Do pirat' ne estos ja.

Sur la placo, festotage,
Plu vendados mi, sen plaĉ',
Arakisojn, ja, senblage,
Al soldato kaj bubaĉ'.

*El franclingva poemaro »Aventure«.*

Tradukis: *R. Laval.*

---

anglan lingvon ŝi studas dum la paŭzoj, ŝi enrigardas la libron, rifuĝante en anguleton de la pentrejo, aŭ en la koridoro, sed tre ofte mi rimarkas, ke ŝi fakte ne legas, larmojn ŝi verŝas kaj ploras.

Oni vane demandas tian knabinon, ĉu ŝi suferas. Eble tio jam apartenas al knabina juneco, ŝi devas elplori certan kvanton da larmoj, nur laŭ praa kutimo. Sed la anglan oni tiel ellernas malfacile, kaj mi tre timas: Emmy ne scios, kion fari en la granda Ameriko. Ŝi havas ja neniun, kiu al ŝi sendus ŝipbileton kaj kiu ŝin sur tiea bordo atendus. Mirinde, ke iuj homoj tiel facilanime al si prezentas tian aferon. Ŝi estu kontenta, ke ŝi provizore estas okupita en nia lernejo.

Sed vere, kiel stranga okupo: esti pozistino!

Pripensu nur, ke mi hazarde vin vizitus, tute neatendite, kion mi jà ne farus volonte, ĉar mi scias, kiel pene estas por familio, se iu gasto venas. Oni devas atenti, ke li poste ne diru, ke li vidis polvon sur la ŝrankoj, ke sur la glaso, en kiu oni prezentis vinon al li, estis videbla postsigno de fingro, kaj kelkfoje oni ne rimarkas, ke en fenestra angulo impertinenta araneo teksis sian kaptilon. Estas malagrable, se sur la lito kuŝas ĵus gladita vestaĵo. Kiel malfacile estas la gaston iel reteni en la koridoro, oni montras al li kardelon, aŭ Hektoro devas sin prezenti sidante sur la postpiedoj, dum en la apuda ĉambro oni ĉion ordas, kiom la tempo sufiĉas.

Kial do kaŭzi tiajn zorgojn al la karaj familioj? Nu, iafoje oni devas tion fari. Vi venas hejmen el Prago, kaj kamarado vin komisiis rememorigi lian onklineton pri la promesitaj ŝtrumpoj. Vi do devas plenumi tian devon. Vi vizitas iun konatan familion. Oni sidigas vin sur kanapon, kaj ekparolas kun vi la trankvilaj onklinetoj kun trikiloj en la manoj, trikante ŝtrumpojn por Joĉjo en Prago. Oni kredus, ke tiuj onklinetoj jam formortis; mi memoras ja, ke jam antaŭ dudek jaroj ili estis tiel maljunaj. Mi opiniis, ke iam ili tute formortos kaj ne ekzistos plu, kaj tamen oni ĉiam trovas ilin. Prudentecaj jarsulkoj etendiĝas super iliaj okuloj, kaj ili mem estas tiom afablaj. La ekstera mondo estas malbona, danĝera. Ili ne kapablus fari al vi maljustaĵon, nur helpi vin ili volus, se ili povus. Ili ridetas, karesas vin kaj ŝatas vin aŭskulti. Ili estas la solaj, kiujn vi ankoraŭ interesas, ceteraj homoj havas nek tempon nek sentimenton por babili kun vi, ceteraj homoj mokas vin, se vi ekplendas — sole al vi, delikataj onklinoj kun puntokufoj, kun longaj, malhelaj jupoj, sole al vi restis ankoraŭ iom da kor-nobleco!

Pri kio oni nur rakontu al vi, kiam vi alportas per tremantaj manoj trosukeritan kafon kaj eksidas en brakseĝo kvazaŭ ĉe portretado? Mi ne ŝatus rakonti al vi ion, pro kio vi indignus, mi volus, ke vi ne koleru min, mi sentus min malfeliĉa, se post mia foriro vi dirus, ke la nuntempa mondo estas malvirta. Mi preferas dum la interparolo prisilenti, ke eĉ tia okupo ekzistas, kiel esti pozistino, kiu devas ĉiutage veni en la akademion kaj sidi tie kvazaŭ ŝtona statuo. Studentoj ŝin pentras. Pozistino havas malgrandan salajron, per kiu ŝi ne povus sin vivteni. Ŝi devas vespere iri en amuzejon, por ke iu viro aĉetu por ŝi vespermanĝon rekompence por ŝiaj afablaj ridetoj, malvarmaj kisoj. Pozistino estas perdita persono. Ŝin oni povas sole bedaŭri, kaj ĉiu volonte ŝin helpus almenaŭ per tio, ke li trovus por ŝi alian

okupon, sed kiu scias, ĉu tio utilus, ŝi fartas ja tiel tute bone.

Neniel mi volas ŝin riproĉi. La uragano de l' vivo ĵetegas ŝin en danĝerajn abismojn de senesperaj noktoj, kaj almenaŭ dumtage volas tia virino en la akademio senti sin homa kreaĵo, kiun oni ne rigardas malŝate, sen kunfrata afableco kaj aproba estimo.

Karaj onklinetoj, mi ne ŝatus nian interparolon temigi pri la pozistinoj, mi ne volus, ke vi eksciu, ke por la bildo en via ĉambreto, kie gardanĝelo akompanas senkulpajn infanojn apud abismo, aŭ aminda knabineto portas florbukedon, aŭ ĉarma etulino turnas sian infanan rigardon al la ĉielo, preĝante apud la lito, — mi ne volus al vi perfidi, ke la vizaĝoj, kiuj por tiuj ĉi bildoj pozis, estis vizaĝoj de malvirtulinoj, de personoj, kiuj ne havas por ni plu valoron. Vi ekde via juneco rigardadis tiujn bildojn, la blankan haŭtkoloron de iliaj figuroj, iliajn humilajn okulojn, sub ilia majesteco vi maturiĝis, maljuniĝis: kial do malkaŝi al vi la malĝojecon de l' vivo, montri, ke la klara, belega scenejo de l' mondo estas dorsoflanke kunmetita el mizeraj, ne rabotitaj lignotabuloj? Kaj tial, se mi vin iam vizitos, malmulte ni parolos, maksimume pri Emmy mi povus ion rakonti al vi.

Pri ŝi ni estis konvinkitaj, ke ŝi estas bona, naiva, ke ŝi ankoraŭ neniam vizitis amuzejon. Ŝi ne venis en la akademion memvole. Ŝi vagis tra kaŝtanarba strato supre en la praga Montmartre, rigardis la silkecan, defalantan foliaron aŭtunan, kiam ni ŝin tie alparolis kaj venigis en la lernejon kiel pozistinon.

Oni interesiĝas pri la sorto de al si mem lasitaj homoj, sed de tia knabino oni ekscias nenion certan. Ŝi rakontas kvazaŭ dum febro, ŝi memorigas urbojn, nomojn, okazintaĵojn, ĉiutage aliajn, tiel ke oni pensas: hieraŭ mi ŝin ne komprenis, aŭ ŝi hodiaŭ eraris. Lastfine oni havas pri ŝi tian impreson, ke ŝi mem ne scias, de kie ŝi devenas, kiu ŝi estas, kion ŝi serĉas ĉi tie.

Emmy estis obeema pozistino. Matene je la oka ŝi estis jam en la lernejo. Ŝi devis certe jam je duono post la sesa ellitiĝi, por el la kontraŭa urboparto piede veni al la akademio, vespere ree piede hejmen. Tagmeze ŝi aĉetis bulkon, vespere, mi kredis, ŝi manĝis nenion.

Kaj tamen, kiel ŝin enviis la aliaj pozistinoj! Eĉ bulkon ili ne povis aĉeti, ĉar ili ne havis okupon, vane ili vagadis tra la koridoroj, por ekplaĉi al la pentristaj lernantoj.

Emmy ne havis tiel belegan veston, kiel aliaj pozistinoj, sed ili ne povis konkuri kun ŝi pri la rozokoloraj vangoj, pri la ĉarmaj vizaĝotrajtoj. Poste ni tamen rimarkis, ke ŝi iĝas ĉiam pli pala, kaj ni atentigis ŝin: »gardu vian sanon, vi devas pli bone nutri vin, ŝinkobulkon manĝi je lunĉo kaj trinki iom da ruĝa vino.«

Foje, kiam ŝi iris hejmen, mi akompanis ŝin. Ŝi estis gaja, ridis pri ĉio kiel infano. Ni iris kune tra la mezepokaj stratetoj de la Malnova Kvartalo. Ni rigardis la plenegajn montrajn fenestrojn en la strato de Hus. Ni admiris la mikskolorajn frandaĵejojn. Tie nin invitis sukaj vinberaroj, sukeritaj daktiloj, oranĝoj, plaĉaj konfitaĵoj en malsamaj belaj koloroj kaj diversaj likvoroj, ĉokolado kun nuksoj kaj sprite aranĝitaj tortoj. Tiel povas en la alia mondo esti kovrita tablo, ĉe kiu eksidos savita animo, rekompencota por la suferado en ĉi tiu valo de larmoj.

Kian plezuron oni farus al tia knabino, aĉetante por ŝi ion el tiuj aĵoj! En apuda fenestro estas belegaj silkaj ŝtofoj. Kia estus Emmy en vesto el ĉi tia ĉarma silko, ŝi aspektus kvazaŭ reĝidino sur teatra scenejo! Ni iris de unu fenestro al alia, okupis nin pri la objektoj kvazaŭ aĉetante ilin, ĝis kiam ni fine venis al malnova, malhela preĝejo gotika, kaj ĉar la pordo estis malfermita, ni eniris.

Estis duonlume. Ha, kia silento! La strata foireca bruo malaŭdiĝis subite. Malhelaj gotikaj kolonoj leviĝis supren al la firmamento, kvazaŭ nigraj pekoj homaj penteme rampus en la ĉielon. Sur la altaroj frotdifektitaj, malhelaj ŝtonoj elstaris kiel stalaktitoj en subtera groto. Ni eksidis en lignoskulptita benko. Ĉiu brueto en la ega silento trasonis la tutan templon, eĉ nian spiradon ni aŭdis, nur antaŭe apud granda altaro genuis unu malhela staturo kun klinita kapo. En la aero estis sentebla frosta spiro de malvarmaj ŝtonmuroj. Efektive: kvazaŭ en antaŭĉambro de alia, kontrasta mondo.

Emmy kunmetis la manojn kaj mallevis super ili la kapon. La ekstere subiranta suno ekbriletis ankoraŭ lastafoje; poste krepuskiĝis. Tiel silente estis, ke ni preskaŭ ektimis, kaj en tia silenteco kaptas homon tia malespero, ke li preskaŭ ekplorus pri si mem.



Jan Steers: *La gaja mastrumado*

# *Poemoj de Georges E. Maura*

## SUR LA PLAĜO

*Antaŭ la freŝa, murmura maro*
*sur la sablo ni sidis,*
*kaj vian korpon al mia mano*
*silente vi konfidis...*

*Ŝvelis la ondoj kaj via brusto*
*per sama milda movo;*
*venis la tajdo de la volupto*
*kun trankviliga povo.*

*Ĝi lante flusis, potence kreskis,*
*ekŝaŭmis preter sento...*
*kaj nian vastan amon atestis*
*la suno kaj la vento.*

## EL VAGONO

*Trans la ĉielplena river'*
*kun apertaj fenestroj*
*rondside manĝas familioj*
*ĉe la krepuska vesper'*
*Laŭ la voj' elektraj astroj*
*dise brilas el folioj.*
*Flave griza horizont'.*
*Kaj super tioj*
*kvar kolosaj kamentuboj*
*sputas fulmon tra fumnuboj*
*— niaj monstraj dioj...*

## TRIVERSOJ

1.

*Blanka prujno, sanga suno*
*sur la vitroj de l' fenestroj.*
*Aer', kristala ŝtono!*

2.

*Ho, la plavo de l' mateno!*
*Kiel kapo sur kuseno:*
*rideto inter larmoj...*

3.

*Roza lumo el la nuboj*
*tag' decembra grize roza —*
*malfrua am' en vivo.*

4.

*Arbojn kaj la kotojn pikas*
*per mil pingloj delikataj,*
*maljuna Pluvo trikas.*

## DONACO

*Tiun sovaĝan rozon nun*
*mi donas al vi pro memor'*
*de l' ĝojo, kiun via jun'*
*portis al mia kor'.*

*Purpura kiel via sang'*
*natura laŭ via humor',*
*signo de mia ama dank'*
*estu ĉi tiu flor'.*

---

Emmy preĝis. Kia povas esti la preĝo de tia knabino? Ankaŭ ŝin certe la patrino unuafoje instruis kunmeti preĝe la manojn kaj lernigis al ŝi la Patronian. Kie kaj kiu estas tiu patrino, kiun ŝi neniam memorigas al ni? Eble, ĉar tiom da diversaĵoj ŝi jam travivis, ŝi forgesis ŝin. Eble nun dum la preĝo ŝi ekpensas ankaŭ pri la patrino. Sen panjo vere nebone fartas knabino. Emmy mem devas aranĝi siajn harojn, ŝi mem kudras korsaĵon por si; la patrino sendus ŝin en danclernejon, la francan lingvon ŝi lernus, kudri ŝi lernus, en teatron oni sendus ŝin. Emmy devas zorgi pri sia tuta vivoteno, ŝi zorgas pri la tagmanĝo, pri la vespermanĝo, ŝuetojn ŝi devas aĉeti, poŝtukojn, loĝejon ŝi devas pagi. Ŝi devas esti bela kaj gaja, ĉar, se en la akademio ŝi ploras, oni mokas ŝin.

Vere mi ŝin kompatis, rigardante ŝin. Kiam tia juna knabino preĝas, ŝia preĝo certe penetras en la ĉielon, la steloj tralasas ĝin tra la nuboj al la piedoj de la Sinjoro de l' mondo.

Ŝajnis al mi superflue, ke ankaŭ mi preĝu pri ŝia savo. Homon la vivo malmildigas, malfacile estas iun pri io peti, — sed, ĉar mi tie malproksime, alte super la granda altaro ekvidis figuron de la Kreinto kun patra rigardo, kun benantaj manoj, mi opiniis, ke tamen estus bone, se mi dirus pri ŝi almenaŭ kelke da rekomendaj vortoj. Mi turnis la okulojn tien supren kaj pense ekparolis preskaŭ humile:

»Ĉiopova Kreinto, bonvolu afable pardoni, ke mi Vin turmentas per mia deziro. Vi scias, ke mi malofte ĝenas Vin en Via sankta agado, kaj pasis jam multe da jaroj, de kiam mi la lastan fojon min turnis kun peto al Via boneco. Sed bonvolu min ne suspekti, ke mi dum tiu tempo forgesis Vian grandegan afablecon. Mi ĉiam memoras, ke Vin mi devas danki, ke mi povas rigardi la nubojn, la ĉarmajn okulojn de virinoj, ke mi aŭdas salutojn de bonaj homoj, kaj kio estus por mi la ĝoja, varma sunradio printempa, se Vi ne estus metinta min sur ĉi tiun teron?

Eĉ tiam mi estus al vi dankema, se mi estus nur kulo, kiu ekvidas ĉi tiun mondon matene, kaj vespere jam pereas. Tial mi fakte eĉ ne scias, kiel min malŝuldigi al Vi, kaj mi preteriras la templon, por ne aparteni inter tiujn, kiuj ĉiutage ĝenas Vin per siaj senĉesaj petoj kaj plendoj. Al mi sufiĉas la fakto, ke Vi min kreis, ke mi ekvidis Vian verkon, tiun ĉi mondon.

Sed nun mi tamen aspiras Vian afablaĵon.

Mi scias bone, ke Vi havas aliajn grandegajn zorgojn, kiam Vi per la sankta saĝeco gvidas la kuron de la steloj, varmigas per Via spiro la ardon de l' suno kaj sendas en la senfinan universon Viajn sciigojn per flugiloj de oraj kometoj. Ho, vere grandegaj estas Viaj zorgoj, sed bonvolu permesi, ke mi rimarkigu, ke bone konvenos al Via ĉiopoveco, se en la seriozan, prozan, matematikan tempospacon de Via sankta maljuneco degutos ankaŭ unu malgranda, sensignifa, sed

ĝojiga rosero de gajhumoro. Bonvolu Vian rigardon, fiksitan al miliardoj da sunaj steloj, por unu mallongeta momento turni ĉi tien, al nia tero, al tiu ĉi ŝtona palaco, konstruita per mizera homa mano por la gloro de Via nomo, kaj bonvolu permesi al Vi ankaŭ iom da plezura ludetado, rigardu la malgrandan pozistinon Emmy.

Bonvolu rigardi ŝiajn belajn, line molajn harojn, ŝian dekokjaran junecon, kiu ankaŭ nur Vian grandan dian kapablon laŭdas. Kaj bonvolu poste rigardi ŝian eluzitan, difektitan veston. Kiom pli ĉarma ŝi aspektus en nova silka vestaĵo! Kiom da homoj surstrate plezure observus ŝin! Kiom da ili ekĝemus ĝojante, ke ili povas ŝin vidi, ĉar ili vivas, kion ili dankas al Vi.

Mi volonte aĉetus por ŝi novan veston, sed mi estas studento, mi ne kapablas zorgi eĉ pri mi mem, sed por Vi ĝi ne estus peno. Bonvolu do al Vi permesi tian plaĉan ŝercon, kaj kvankam Vi nuntempe ne plu tiom amas la homaron nek donacas al ĝi Viajn miraklojn, donacu al Emmy belan novan veston el silko — neniu tion ekscios — kaj mi garantias pri ŝi, ke ŝi estas bona, ĉasta, diligenta, ke ŝi meritas Vian majestan donacon!« —

Tiel mi preĝis, kaj ŝajnis al mi, ke tie supre en la duonlumo super la granda altaro afable jesis la afabla kapo de Eternulo. Ankaŭ Emmy estis fininta sian peton, ĉar ŝi sin krucosignis, kaj mi sentis, ke mi faris ĉion por ŝi, kion mi nur povis. Senvorte ni rigardis unu la alian, aspergis nin per malvarma sanktakvo, kaj kun malpezeta, purigita konscienco ni forlasis la templon, kiel el purgatorio ĉielen iranta animo.

Nenion mi diris al ŝi pri mia rekomendo, ne estas ja dece tuj fanfaroni pri ĉiu malgranda helpo, kaj mi deziris, ke ŝi poste estu surprizita, ĉar mi firme kredis, ke miajn elkorajn vortojn oni elaŭdis tie supre, kaj mi estis konvinkita, ke post kelke da tagoj okazos miraklo kaj ke Emmy dum la belaj, flor-ornamitaj printempaj tagoj ne devos aspekti tiel cindrogriza kiel pasero.

Ekstere bonvenigis nin vespera varmo kaj grandurba foireca tumulto de aĉaspekta malnova strato. Infanoj kriis, junuloj fajfis, aŭtomobilo bruis, homoj el oficejoj hejmen rapidante antaŭkuradis sin, la vivo bolis per sia tuta forto.

*

Senpacience mi atendis tagon post tago miraklon. Ankaŭ al la kolegoj mi diris, kio okazos. Mi atentigis ilin anticipe, ke unu tagon Emmy venos en brila, belega vestaĵo. Ĉiuj ĝojis pri tio, ĉar ni ŝin ŝatis kaj traktis ŝin, kiel tio decas en bona familio.

»Emmy estas bona, honesta knabino,« diradis ni, karesante ŝiajn harojn. Ni ŝin estimis. La pentristoj havas bonan koron. Ili amas belecon kaj bonecon. Tiucele ili verdire vivas. Ili havas komprenon por la homa sorto. Ili mem, se ili pri si parolas, memorigas tiel strangajn, malserenajn pasintaĵojn . . . Oni nur atentu, kiam okazas anigaj ekzamenoj en la akademio. Venas tien deksesjara knabino el gimnazio, kaj kvardekjara, pensiumita oficisto. Vidviniĝinta virino, kaj fianĉino forkurinta de l' altaro. Unu deziras triumfe marŝi en la vivon kun nimbo de gloro, alia volas almenaŭ siajn lastajn tagojn antaŭ la subiro orumi per ĝojo pri la arto. Venas ĉi tien homoj, kiuj nenion trovis en la vivo, sed ili opinias, ke en la profundo de ilia animo estas kaŝita trezoro, kiun ili devas elfosi, por riĉigi la homaron. Ili suprenpaŝas la ŝtuparon kun klinita kapo kaj kun mano tremanta. Temas pri iris tiun ĉi ŝtuparon? Malsupren reiris ankaŭ kelkaj, la sorto de ilia vivo. Kiom da homoj jam suprenkies vizaĝon ruĝigis la flamo de aŭreolo, sed kie estas la multaj aliaj? Senpostsigne ili malaperis. Sed la unuafoje alvenantaj paŝas ebriigite per espero kaj multpromesa sopiro. De la vivo ili cetere ja nenion postulas, la artisto laboregas tage kaj nokte ĝis plena konsumiĝo, kaj la publiko vidas nur liajn facilajn, komfortajn gestojn.

Sed tio ne interesas nin — aŭdu ion pli ĝojigan! Iun tagon venis Emmy, vestita kiel reĝidino, kun etaj rozoj sur vesto el ametistkolora silko. Niaj koroj ekbatis, ĉi tiel ni estis ŝin imagintaj, ĉi tia ni volis ŝin vidi. Kaj vere fiera mi estis pri mi mem, ke almenaŭ unufoje mi sukcesis por alia persono ion makleri.

Ne ekzistas pli bela sento, ol se oni helpis sian proksimulon en mizero; facile helpas tiu, kiu havas, sed el nenio ion doni estas pena afero. Kaj mi tamen el nenio tiel parade vestis nian malgrandan, ĉarman pozistinon. Imagu nur ŝian ĝojegon, kiam ŝi ricevis la veston, verŝajne ĝin nokte alportis anĝeletoj, kiajn al ni montras, fabele belajn, la desegnaĵoj de Mánes; aŭ ŝi ricevis ĝin poŝte de nekonata bonfarulo. Kiel Emmy sendube saltis kaj ĝoje kriis, kiam ŝi surmetinte ĝin ekrigardis sin en la spegulo kaj vidis sin kiel papilion, kiel multkoloran birdidon!

Mi kun ŝi poste ne tro multe parolis. Ŝi vidu, ke mi eĉ ne pretendas pli grandan amikecon ŝian pro la iometa bonfaro. Ŝi ekkonu min kiel grandaniman eĉ en la malavareco. Por mi sufiĉis vidi ŝian infanecan, plezuran bonhumoron. Mi ĝojis pro ŝi.

Kaj mia ĝojo estus daŭrinta ankoraŭ longe. Sed iam hazarde mi ŝin denove akompanis tra la urbo. Mi parolis kun ŝi serioze, nur pri realaj, la vivon koncernantaj aferoj. Mi konsilis al ŝi, ke ŝi aĉetu samovaron, por povi hejme kuiri teon por vespermanĝo, ke en vilaĝo ŝi povus malpli multekoste aĉeti ovojn, ke estas preferinde ŝuojn elekti en antaŭurbo, kaj tiel plu.



Nicolas Maes: *Virino*

# IKSIONO EN LA ĈIELO

— **Benjamin Disraeli, Grafo de Beaconsfield** —
(1804–1881)

**El la angla lingvo tradukis George Gordon**

V.

Merkuro renkontiĝis kun Junona kaj Iksiono en la galerio kondukanta al la granda festena manĝosalono.

— Mi ĵus serĉis vin, — diris la dio, admone skuante la kapon. Jupitero koleregas. La ĉefmanĝo estas preta jam de unu horo.

La reĝo de Tesalio kaj la reĝino de Ĉielo interŝanĝis ekrigardojn kaj eniris la manĝosalonon. Jupitero levis al ili la okulojn de sub brovoj minacantaj, kiel tondronuboj, sed ne indigis ilin je eĉ unu ekfulmo de kolero. Jupitero levis la rigardon, Jupitero mallevis la rigardon. La tuta Olimpo tremis, kaj la patro de la dioj kaj homoj returnis sin al sia supo. Ĉiuj gastoj aspektis nerve kaj malinkline paroli, krom Kupido, kiu tuj diris al Junona, — Via reĝina moŝto estas malfruigita?

— Mi endormiĝis en laŭbo, legante la lastan poemon de Apolono, — respondis Junona. — Tamen mi estas feliĉa pro tio, ke mi trovas kunkulpulon. Iksiono, kie vi estis?

— Prenu glason da nektaro, Junona, — diris Kupido, kies okuloj petole trembrilis; — kaj eble Iksiono trinkos glason kun ni.

Tiu festeno estis la plej negaja ĝis tiam okazinta en Olimpo. Ŝajnis, ke ĉiu estas en malbona humoro aŭ malgaja. Jupitero parolis nur per mallongaj vortoj, montrantaj subpremitan koleregon kaj sonantaj kiel malproksima tondro.

Apolono flustris al Minerva. Merkuro neniam malfermis la lipojn, sed de tempo al tempo li interŝanĝis plensignifajn ekrigardojn kun Ganimedo. Marso per siaj ĝentilaĵoj al Venera kompensis sian mankon de konversacio. Kupido okupis sin per la farado de embarasaj demandoj. Fine la diinoj eliris el la manĝosalono. Merkuro penis amuzi Jupiteron, sed la Tondrofarulo apenaŭ indigis lin je rideto por liaj plej bonaj historioj. Marso per spliteto purigis la dentojn, Apolono ludis kun siaj ringoj, Iksiono estis en profunda revado.

VI.

Estis granda liberigo por ĉiuj, kiam Ganimedo vokis ilin al la salono de la diinoj.

— Mi verkis komentarion pri via enskribo, — diris Minerva al Iksiono, — kaj tre deziras vian opinion pri ĝi.

— Mi estas nekompetenta kritikanto, — diris la reĝo, direktante sin for de ŝi. Junona ridetis al li de neproksime.

— Iksiono, — diris Venera, dum li preterpasis ŝin, — venu paroli al mi.

La aŭdaca Tesaliano ruĝiĝis, elbalbutante sensencan ekskuzon, li foriris de la mirigita, bonanima diino kaj sidigis sin apud Junona. Tuj lia malserena brovo iluminiĝis de brilanta lumo.

— Ĉu tiel estas? — diris Venera.

— Hm! — diris Minerva.

— Ha, ha! — diris Kupido.

Jupitero ludis pikedon kun Merkuro.

— Ĉio iras malbone hodiaŭ, — diris la reĝo de Ĉielo; — la kartoj estas malbonegaj, kaj oni devigis min longe atendi la ĉefmanĝon pro — mortemulo!

— Via reĝa moŝto ne miru, — diris la bonanima Merkuro, kiu ne ŝatis Iksionon. — Via reĝa moŝto ne tro miru pri la konduto de tiu kreitaĵo. Pripensante tion, kio li estas, kaj kie li estas, mi nur miras, ke lia cerbo ne estas pli malordigita, ol ŝajne ĝi estas. Homo, objekto farita el koto, kaj en Ĉielo! Nur pensu, sinjoro! Ĉu ĝi ne sufiĉas brulumigi la cerbon al ĉiu argilido? Devigi, ke via reĝa moŝto longe atendu la ĉefmanĝon, estas malmulte malpli grava ol perfido de la regno. Mi efektive apenaŭ atendis tion. Ordonadi min, trakti Ganimedon kiel sian lakeon, kaj, mallonge dirate, komandi la tutan domanaron, ĉion tion oni povus atendi ĉe persono en tia situacio, sed mi ja pensis, ke ankoraŭ restas al li iom da respekto por via reĝa moŝto.

— Kaj li ordonadas vin, he? — demandis Jupitero. — Mi havas la pikojn.

— Ho! ĝi estas ridinda, — respondis la filo de Maja. — Via reĝa moŝto ne volus de mi la servojn, kiujn ĉiutage postulas tiu absurda elsaltulo.

— Eterna destino! ĉu ĝi estas ebla? Tiu preno estas mia. Kaj ankaŭ Ganimedo?

— Ho! ĝi estas tute indigniga, tion mi certigas vin, sinjoro, — diris la bela pokalportisto, sin klinante super la seĝo de Jupitero kun la facila impertinento de privilegiata preferato. — Efektive, sinjoro, se Iksiono plue faradas kiel nun, aŭ li aŭ mi devas foriri.

---

— Tiaj aferoj ne tuŝas min tro multe, — ŝi diris malvarme, — mia amiko estas ja oficisto ĉe ministrejo, li zorgas pri la vespermanĝoj.

— Ĉu vere? — mi diris mallaŭte, sed tre mallaŭte, por ke ŝi eĉ ne iomete rimarku, ke tio tre surprizis min.

— Antaŭ nelonge li aĉetis por mi ĉi tiun veston, — ŝi daŭrigis konfideme, — nun li aĉetos al mi flavajn ŝuetojn, kaj somere ni veturos kune al la Adriatika maro. Sed ne diru tion al viaj kolegoj!

Mi volis iel kaŝi mian emocion, kaj senkontinue mi ekrakontis pri la Dresdena pinakoteko.

Refoje ni iris tra la strato de Hus, same kiel siatempe. Sed ekvidinte la malnovan, malhelan templon, mi ekpremis ŝian manon kaj forrapidis al la kontraŭa direkto. Mi hontis preteriri la preĝejon kaj sekrete ĵuris, ke mi neniam plu iun protektos, ke tio ne penindas.

*

Ho, steloj, vi nur brilu dum someraj noktoj! Surtere ĉio pasas. La juneco forflugas, la naivan polenon de majaj vivotagoj forviŝas sovaĝaj manoj, trompas nin la rozkolora nuanco de knabinaj vangoj, ankaŭ lazuraj okuloj malaperas iom post iom en ombroj de malĝojo, sole via juneco, verdete brilantaj steloj, pasos neniam, vi neniam trompos nin. Je vi mi plezure iam enamiĝus.

El la slovaka: *Miloŝ Lukáŝ.*

— Ĉu estas eble? — ekkriis Jupitero. — Tamen mi povas kredi ĉion pri homo, kiu devigis min longe atendi la ĉefmanĝon. Du kaj tri estas kvin.

— Junona kuraĝigas lin en lia farado, — diris Ganimedo.

— Ĉu ŝi kuraĝigas lin? — demandis Jupitero.

— Ĉiu rimarkas ĝin, — akcente diris Ganimedo.

— Ĝi ja iom faras kaŭzon por rimarkoj, — diris Merkuro.

— Per kia rajto tiaulo parolas al Junona? — ekkriis Jupitero. — Nura mortemulo, nur mizera mortemulo! Vi havas la poenton. Kiel mi povis lasi min trompiĝi de tiu ulo! kiu povis supozi, ke malgraŭ mia tiel multa bonfarado al li, li iam malfruigos al mi la ĉefmanĝon?

— Li promenis kun Junona, — diris Ganimedo, — estis mensogo, ke ili hazarde renkontiĝis. Kupido vidis ilin.

— Ha! — diris Jupitero, paliĝante; — vi ne volas tiel diri! Repikedita, kiel mi estas dio. Tio estas mia. Kie estas la reĝino?

— Ŝi parolas kun Iksiono, sinjoro, — diris Merkuro. — Ho, pardonon, sinjoro, mi ne sciis, ke vi demandis pri la karoa reĝino.

— Ho! Mi estas repikedita, oni devigis min longe atendi la ĉefmanĝon. La hodiaŭa tago estu malbenita! Ĉu efektive Iksiono parolas kun Junona? Mi ne plu toleros.

## VII.

— Kie estas Junona — demandis Jupitero.

— Mi tute ne scias, — diris Minerva, rikanante.

— Mi tute ne scias, — diris Venera, kun rideto.

— Kie estas Iksiono? — diris Kupido, malkaŝe ridante.

— Merkuro, Ganimedo, tuj elserĉu la reĝinon de Ĉielo, — tondris la patro de la dioj kaj homoj.

La Ĉiela kuriero kaj la dia paĝio flugis el la salono tra nesamaj pordoj. Sekvis terura silento de la senmortuloj. Majesta kolerego sidis sur la frunto de Jupitero, kiel pluvplena nubo sur supro de monto. Minerva sidigis sin al la kartotablo kaj ludis paciencon.[2] Venera kaj Kupido subridaĉis en la fono. La senditoj baldaŭ revenis; Merkuro aspektis tre solene, Ganimedo tre malice.

— Nu? — demandis Jupitero, kaj la tuta Olimpo tremis ĉe tiu unusilaba vorto.

Merkuro skuis la kapon.

— Ŝia reĝina moŝto ĝis antaŭ ne longe promenis sur la teraso kun la reĝo de Tesalio, — diris Ganimedo.

— Kie ŝi nun estas, sinjoro? — demandis Jupitero.

Merkuro levetis la ŝultrojn.

— Ŝia reĝina moŝto ripozas en la pavilono de Kupido kun la reĝo de Tesalio, — respondis Ganimedo.

— Konfuzo! — ekkriis la patro de la dioj kaj homoj; kaj li leviĝis kaj ekprenis kandelon de la tablo, ĉien dispuŝante la kartojn. Ĉiu alestanto, Minerva, Venera, Marso, Apolono, Merkuro, Ganimedo, la Muzoj, la Gracioj, kaj ĉiuj flugilaj Genioj — po unu ekprenis kandelon, prirabante la kandelabrojn, kaj ĉiu sekvis Jupiteron.

— Ĉi tiun vojon, — diris Merkuro.

— Ĉi tiun vojon, — diris Ganimedo.

— Ĉi tiun vojon, ĉi tiun vojon! eĥis la tuta amaso da Ĉielanoj.

— Malbono! — al si diris Kupido, — mi savu miajn viktimojn.

Ĉiuj estis sur la teraso. La patro de la dioj kaj homoj iris kun digno malgraŭ ke pro kolerego li rapidis.

Kiel ordinare en Ĉielo, la nokto estis hela, stelplena; sed en tiu vespero Diana estis aŭ nesana aŭ alie okupita, kaj ne estis lunlumo. Ili estis en vidproksimo de la pavilono.

— Kio vi estas? — demandis Kupido al unu el la Genioj, kiu akcidente estingis sian kandelon.

— Mi estas nubo, — respondis la Genio.

— Nubo! La ĝusta aĵo. Nu, faru al mi bonan servon, kaj Kupido estos via ĉiama ŝuldanto. Flugu, flugu, bela nubo, kaj volvu tiun pavilonon per via formo. For! faru neniom da demandoj; rapide kiel mia parolo.

— Per mia vorto, estas nebulo, — diris Venera.

— Vespera nebulo en Ĉielo! — diris Minerva.

— Kie estas Nuks? — diris Jupitero. — Ĉio iras

[2]) Noto de la tradukinto: »pacienco«. Nomo de ia kartludo por unu persono.



Rembrandt: *Beno al Jakobo*

malbone. Ĉu iam ĝis nun okazis nebulo en Ĉielo?
— Mia kandelo estingiĝis, — diris Apolono.
— Ankaŭ mia, — diris Marso.
— Kaj mia — kaj mia — kaj mia, — diris Merkuro, Ganimedo, la Muzoj kaj la Gracioj.
— Ĉiuj kandeloj estingiĝis! — diris Kupido; — efektiva nebulo. Mi ne povas vidi eĉ la pavilonon; tamen ĝi devas esti ie ĉi tie, — diris al si la dio. — Jes, jes; mi devus povi orienti min al mia propra pavilono, kaj mi iom ofte ne malbone ŝteliradas en la mallumo. Jen paŝosono; kaj jen ŝajne estas la seruro. La pordo malfermiĝas, sed la nubo eniras antaŭ mi. Junona, Junona, — flustris la dio de la amo, — ni ĉiuj estas ĉi tie. Estu kontenta de forsaviĝo, kiel multaj aliaj senkulpaj sinjorinoj, kun la reputacio nur sub nubo, kiu baldaŭ disvaporiĝos; kaj, jen! la ĉielo jam komencas heliĝi.
— Devas esti, ke ĝi estis la varmo de niaj torĉoj, — diris Venera; — ĉar rigardu, la nebulo jam malaperis; jen estas la pavilono.
Ganimedo kuris antaŭen kaj malfermis la pordon per forta puŝo. Iksiono estis sola.
— Arestu lin! — diris Jupitero.
— Junona ne estas ĉi tie, — diris Merkuro, kun mieno de intermiksitaj gratulo kaj ĉagreniĝo.
— Neniel grava, — diris Jupitero; — arestu lin! Li devigis min longe atendi la ĉefmanĝon.
— Ĉu ĉi tio estas via gastameco, Ajgiohos? — ekkriis Iksiono, en tono de aroganta senkulpeco. Mi defendos min.
— Arestu lin, arestu lin! — ekkriis Jupitero. — Kiel! ĉu vi ĉiuj ŝanceliĝas? Ĉu vi timas mortemulon?
— Kaj Tesalianon? — aldiris Ganimedo.
Neniu moviĝis.
— Venigu Heraklon, — diris Jupitero.
— Mi tuj venigos lin, — diris Ganimedo.
— Mi protestas, — diris la reĝo de Tesalio, — kontraŭ tia malrespekto al la plej sanktaj rajtoj.
— La edzeca ligo? — diris Merkuro.
— La ĉefmanĝa horo? — diris Jupitero.
— Estas tute senutile paroli sentimenton al Iksiono, — diris Venera; — ĉiuj mortemuloj estas malmolaj.
— Aventuroj estas por la aventuruloj, — diris Minerva.
— Jen estas Heraklo! jen estas Heraklo!
— Arestu lin! — diris Jupitero; — arestu tiun homon.
Vane baraktis la mortemulo kontraŭ la nekontraŭstarebla duondio.
— Ĉu mi alportu vian fulmilon, Jupitero, — demandis Ganimedo.
— Ĉio malpli severa ol eterna puno ne estas konvena al dio, — respondis Jupitero kun granda digno.
— Apolono, alportu al mi radon de via ĉaro.
— Kiel mi faru la morgaŭan matenon? — demandis la dio de la lumo.
— Ordonu, ke estu eklipso, — respondis Jupitero. — Ligu al la rado la malrespektan aĉulon; ĵetu lin al Hadeso; ĝia kurado estu ĉiama.
— Per kio mi lin ligu? — demandis Heraklo.
— Per la zono de Venera, — respondis la Tondrofarulo.
— Kion signifas ĉi tio? — demandis Junona, alpaŝante, pala kaj agitiĝinta.
— Venu; vi vidos, — respondis Jupitero. — Sekvu min, sekvu min.
Ĉiuj sekvis la kondukanton: ĉiuj dioj, ĉiuj Genioj; en la mezo iris la dikmuskola edzo de Heba, superkape portante Iksionon, ligitan al la fatala rado. Ili atingis la terason; ili malsupreniris la fajrerantajn ŝtupojn el lazura ŝtono. Heraklo tenis alte sian ŝarĝon, preta, ĉe kapbalanco de Jupitero, ĵeti tra la spaco en Hadeson la malfeliĉan sed arogantan mortemulon. La aro de l' Ĉielanoj ĉirkaŭis lin kaj streĉis la kolon por rigardi en la stelplenan abismon. La afero estis bela moralinstruo, elmontranta la malfeliĉon, kiu ordinare akompanas neegalajn interrilatojn.
— Ĉiela despoto! — diris Iksiono.
Post momento regis plena silento, dum la Ĉielanoj aŭskultis la finajn vortojn de la senkompara viktimo. Junona, en granda malespero, apogis sin sur la brakojn de Venera kaj Minerva.
— Ĉiela despoto! — diris Iksiono, — mi spitas vian senliman elpensemon pri krueleco. Mia memoro estu tiel eterna, kiel via torturo: tio min igos ĝin elteni.

Fino.

## Don Kiĥoto

— Reimond Herreman —

Kiel Kiĥoto, mi per stulta fort'
venkus la muelilon de la vivo,
sufere am-frakasan; sed la sort'
turniĝa batis min pro ĉi naivo
fiera. Jen la propra ordon-vort':
Plu ne ekzistu por mi la fiktivo.
Sed kiel miksos nin en Di' la mort',
Regvidas nin rezign' al am-aktivo.

Kaj vunde kaj humile iras mi
laŭ voj' malnova al minaca brako.
Kaj se ĝi min renversos ĉiam pli,
mi fide iros ree por atako
al supre, kie, eĉ se venkos vent',
ĝi min muelos por feliĉa sent'.

El la flandra: *Hector Vermuyten.*

## La mondo estas fluto

— Richard Minne —

La mondo estas fluto — ĝi estas multebuŝa.
Kaj ĉiu blovas kanton: malgaja melodi':
en kiu ne aŭdiĝas mia ario tuŝa.
Nu, kaj la via? Eble frapetis ankaŭ vi,
kiel mi mem, ĉe l' vitroj, por rifuzad' forpuŝa.
Kaj tamen mi esperis, revadis, pentmurmuris,
Flandrujon vidis, Alpojn, kaj Rejnon, dum vojaĝ',
Mi amis. Mi en multa procesio tamburis,
esploris librojn plenajn de pramalnova saĝ'.
Mi serĉis fervorege kaj mi ektrovi juris.
La fino? Al mi restis el ĉio ĉi la sam':
konsol' de l' propra kanto, neforkaptebla bono,
vespere sur altajo ario sen ornam'.
Ne por la kosm', eterno; ne, por la Nun'. Ĉi sono
ĝojigas mian tagon. Ho, estas multe jam.

El la flandra: *Hector Vermuyten.*



# OBSERVO

## LA ŜARGLABORISTO DEMETIS LA VIVŜARGON: PANAIT ISTRATI MORTIS.



La filo de l rumana servistino, kaj greka patro, la »rumana Strindberg«, »balkana Gorki« foriris por ĉiam. Post kvardek malsat-jaroj kaj pliaj dek jaroj, dum kiuj la penege akiritan manĝajon trosalis la sango kraĉata el malsana plumo, en milda printempa tago metis la Sorto mortpunkton al vivo, kiun Istrati iam antaŭe, post tramigro de nia tuta moderna infero — kiel havenlaboristo, pentristo, migranta fotografisto — provis forpreni de si mem. La memmortigo ne sukcesis plene kaj de sur la malsanuleja lito en Nico iris letero al la franca literatur-giganto Romain Rolland, kun adiaŭo al la mondo, de sur la sojlo de l' morto. Dank' al Rolland-a instigo la letero transformiĝis en romanmanuskripton. Kaj homa animrivereto, ĝis nun subterigita sub la malmola grundo de l' realo, ŝpruce eliĝis por esti zigzage pelata de suferventoj, premata inter akrajn politikajn rokojn, barata de policaj digoj.

*

En haveno, inter sakoj kaj ŝnuregoj, pasigis Istrati la unuan parton de sia vivo. La malpuro, havenaj bakterioj infektis frue lian pulmon (aŭ la ftizplanto ekĝermis jam en la mizera hejmgroto). La malforta proletjunulo ŝvite ŝarĝis sur la ŝipojn la grenon, brutojn de l' riĉegaj grandbienuloj, la vinberan sukon del' altajoj de Dragaŝani, li, kiu devis sian soifon estingi per akvo eble tifa. Reve li rigardadis, dum la sennutraj minutoj de l' manĝpaŭzo, kiel balancas la Danubo centojn da ŝipoj kaj ŝipetoj. Li lernis sonĝadi de la bluaj akvoj. Centojn da kilometroj pli oriente, fikse rigardis la ondojn de l' Volga alia tuberkuloza infano. Kiun la akvo instruis sonĝi. La infano de l' ŝuisto: Maksim Gorki.

Ili renkontiĝis post jardekoj. Kun pezspiraj pulmoj, mondfamaj. La vagabondo el la rumana haveno Brajla, kaj la Volgano. (Poste disiĝis iliaj vojoj: dekstren kaj maldekstren.)

»*Kyra Kyralina*« estas unu el la plej grandaj surprizoj de l' postmilita literaturo. Revelacio el la fabelmondo de mil kaj unu noktoj. Sed ne nur la blindiga kolorpompo orienta mirigis la mondon. Precipe la senfina anima boneco de multesuferinta homo, kiu, dum sia mortbarakto, krias averton al siaj homfratoj eviti similan sorton kaj instigas ilin rompi la kapojn de l' uzurpuloj per la malmola ŝtalo de l' pezaj manĉenoj. (Tiam la romano estis malpermesita en Rumânujo, tiam Gorki kuracadis sian pulmon per la suno de Capri.)

En la »*Hajdukoj*« li sukcesas ŝatigi eĉ rabistojn, kies figurojn li legendigas; li komprenigas al la leganto, ke ankaŭ tiuj estas homoj, mizeruloj, kiujn pezaj cirkonstancoj sociaj pelis sur malesperan vivrandon.

La verkisto Istrati reprezentas izolitan, unikan eventon en la literaturhistorio. Parte jam per la lingvo, en kiu li verkis plej multe: rumano — en franca lingvo. Foje mi volis lin viziti en Parizo, sed tiam li ne estis »hejme«.

Nia konatiĝo okazis en sveda lingvo. »*Mot den fjärran elden.*« (*Kontraŭ la fora fajro.*) estis la unua romano kiun mi legis de li, svede, de mia rumana samlandano...

Istrati estis invitata en 1927 al la 10-jara jubilea festo de l' Sovjeta Respubliko. Oni akceptis lin kun egaj honoroj en Moskvo. Sed la akrajn okulojn de l' verkisto ne blindigis la jubilea pompo. Li estis eterna revanto, sed kun firmaj piedoj sur la tero. Malnovan, elprovitan revoluciulon, rusan laboriston Russakow, la sovjetaj aŭtoritatoj kondamnis je mortpafo, ĉar li ne subigis sin al skandala hejmkontrolo. Istrati elsavis la kazon de tiu proleto el la ruĝa sufermaro kaj postulis aŭ justigon por li kaj liaj samsortuloj, aŭ egalan kondamnon al li, Panait Istrati mem. Oni stampis lin per la kaina signo »renegato«.

*

Dum certa tempo la grandanima Francujo, patrino de ĉiuj politikaj infanoj (rifuĝintoj) adoptis lin kiel sian filon. Sed la filo enmiksis sin en la gepatran vivon kaj rompante la leĝojn de l' gastamo, ekkriis: *ne-ne-ne*, ne kredu, ke vi, dekstraflanke, estas pli bonaj, ol tie maldekstre. »*Se iu kulturo konstruas por milionoj malĉastejojn, dum kamparanoj, frenezigitaj de la mizero, mortbatas siajn infanojn, ĝi perdis sian ekzistorajton, eĉ se ĝiaj verkistoj apartenas al la katolika kredo kaj ĝiaj advokatoj estas episkopoj. Se ĉi kulturo konservis nur eron da hontsento, ĝi devas enterigi siajn bibliotekojn, ruinigi siajn monumentojn kaj ĝia plej eminenta episkop-advokato devas eksonigi la grandan sonorilon de l' Notre-Dame...*«

*

Tamen, eĉ kontraŭvole, Istrati ĉiam proksimiĝis al la kristana koncepto de l' amo, kiu ordonas al ni ami eĉ niajn kontraŭulojn. En la lasta volumo de Istrati »*Meza Maro*« (Mediterannée) Adrian Zografi ekveturas de Constanta al Egipto, sur la rumana ŝipo »Dacia«. Regas vintro kaj noktomeze estas 15 gradoj sub nulo. Tiam la malbone vestitaj ŝiplaboristoj klopodegas senfrostigi la petrolajn pumpilojn, funkciigi la ŝipon. Super la ponto de l' ŝipo, kie okazas tiu ĉi sceno, lumbrilas la salonegoj de l' unuaklasaj pasaĝeroj. Tie oni dancas, flirtas kaj miras pri la malfruo de l' ŝipo. Malsupre kelkaj mizeruloj, dum blovego de skurĝa vento blovanta de la skitaj stepoj, ŝipanoj, kies manoj nenion plu sentas, provas malobstinigi maŝinon, kiu plu ne volas obei al la homo. »*Inteligenta, aŭ idiota* — meditas Istrati — *tiu ĉi malfeliĉulo vivas mizerege; mi ne povas kompreni tiun, kiun lia sorto povas lasi sen kortuŝo. Kaj mi aŭdigus mian kritikon eĉ se morgaŭ la roloj ŝanĝiĝus!*« (T. e. se la unuaklasa pasaĝero okupas la lokon de l' ŝiplaboristo kaj inverse.) Jen la koncepto de Istrati: La amo, kiun li havas al ĉiuj homoj, malhelpas lin malami la internacian pasaĝeron, la kutiman vojaĝanton de luksaj trafikiloj. Li simple volas malfermi ties okulojn kaj helpi, ke tiu mem konvinkiĝu pri la maljusta lukso, kiam aliaj suferas. Li volas, ke la riĉuloj mem rezignu pri siaj privilegioj.

Oni riproĉas al Istrati, al la vagabonda pentristo kaj fotografisto, ke li tro ofte ŝanĝis politikan tendaron. Por ni tamen ŝajnas tute nature, ke por tiom granda spirito estas tro malvastaj la partiaj kadroj. Oni riproĉas, ke li estis »renegato« tiel kontraŭ sia propra lando rumana, kiel kontraŭ siaj francaj (Romain Rolland ktp.)

# Ho, levu min el la dolor'

(Al la memoro de mortinta junulo)

— F. Szilágyi —

**I.**

Sur trema lip' sovaĝe dancas
la vort', la vort', senmastra vort'.
Lin kaj min blanka lit' balancas.
Li gestas jam al fremda bord'.
La vortoj perlas kaj mi tremas
de l' petkrieg' de fremda kor';
la manon preĝan pugne premas.
Memoru pri la lasta hor'!
Patrino mia tiam mortis
kaj kriis ŝia lasta plor',
la plor' sovaĝa laste vortis:
»Ho, levu min el la dolor'!
Ho, levu min el la dolor'!«

**II.**

Senpova vort'! Senpova kor'!
Vi, tie, vi, Senmova, Blanka,
ho savu lin en tiu sanga
terur'! Kompaton al la juno,
pardonon al la juna flor'!
Terur'! Kompaton al la juno,
ho ĉeson al konsuma plor'!
Jen, kreskas la profundaj ombroj,
ve, kiom da longungaj ombroj
alflugas por sangserĉa bor!
Ho, kies ĉi helpkria plor':
ĉu mia plor'? ĉu via plor'?
Amikoj, homoj, ĉiuj Fortoj,
vin citas ĉi singultaj vortoj,
vin ĉiujn, venu, venu por
ellevi ŝin, lin, kaj ĉi nigran mondon —
ellevu nin el la dolor',
ellevu nin el la dolor'!

**III.**

La cerbon vean jam ekmordas
avidaj ungoj de l' vampiro.
La korp' surlite, sed la sanga
cerb' supre, en dezerto blanka,
sub la kruela ung' sin tordas,
baraktas jam sen sav-eliro.

El la sensenta, blanka alto
faladas jam la sang' sen halto.
En apatia kuŝ' li mutas,
dum fajre-froste gutas, gutas
la peza ĝem', la brula sango
al lia pala, ekshoma vango.

---

kaj rusaj (ruĝaj) amikoj. Jes, ni komprenis, de kie fontas la riproĉoj. La granda fotografisto de l' vivo, Zografi-Istrati tro konscience plenumis sian mision. Tro fidele li redonis la trajtojn de nia hipokrita socio. La homoj ne aĉetas portretojn kun tro fidele akraj linioj. Multaj preferas rigardi sin en akvospegulo, kie la ondoj ĉiam movas sin iomete, aŭ oni preferas, ke la akvo estu ankaŭ iom malklara pro koto, kaj ne respegulu nin tro krude-fidele. Kaj la fotografistoj modernaj ne estas malbonaj psikologoj. Ili rapide perfektiĝas en la artifikoj kiom eble mistifiki la originalon, beligi, belegigi la klienton. La honorario ja kreskas proporcie. Istrati rifuzis honorojn, rifuzis postenojn grasajn. Li estis tro sincera. Li devis amare sperti, ke nek la sincero nek la sindono estas validaj biletoj sur la vivoŝipo. Jen lia tragedio. Ĉu ne efikas ironie, ke apenaŭ la telegrafaj fadenoj disvastigis la funebran sciigon pri lia morto, tuj poste ili disflugigis ankaŭ la staton pri nova politika konstelacio: la franca-rusa politika federacio, al kiu surprize aliĝis la rumanoj. Ĉiujn tri landojn (kaj aron da aliaj) kritikis Panait Istrati. Ĉiuj tri landoj, kaj ankaŭ aliaj (ekzemple: en la landon de lia patro, Greklando, la polico ne volis enlasi lin; multaj en Turkujo koleris pro liaj tro sinceraj vortoj) — severe kritikas lin. Eble la plej milda estas la kritiko el la rumana lando, kiu pardone reprenas en sian sinon la terajn restajojn de l' perdita kaj reveninta filo . . .

Tamen la homo, kiu »perfidis sian hejmlandon« ĉiam serĉis unu landon: la landon de l' homo, la *hejmlandon de l' homaro*. Li firme kredis je ĝi. Li kredis ĉiam. Li havis unu kredon kaj biblion. Li amis la homon. Ekster la limoj de l' amo kaj super la limoj de l' racio. Li vivis por la homo, precipe por la humiligitoj. La vagabondo kreskinta en la kosmopolita mondo de l' danubaj havenoj, ekveturis por serĉi la homon, sonĝon, idealon. Liaj homfratoj sukcesis krucumi lin sur la kruco de l' idealoj. Plurfoje. Se li seniluziiĝis en unu tendaro, provis kredi la idealojn de la alia. Li ĉiam estis survoje al novaj pintoj, serĉante la sunon de l' vero. Sur lia tombo povus stari vortoj el unu el liaj verkoj: HO, KIEL MI DEZIRUS ESTI TIOM FORTA, KE MI POVU IGI LA HOMOJN ESTI JUSTAJ!«

Supre, en altnorda Svedlando, sidas esperantista filo de hungara patrino kaj rumana patro, naskiĝinta en Ĉeĥoslovakio . . . kaj rigardas-rigardas la paskajn bildojn en la rumanaj gazetoj, larma vualo ĉiam pli kaj pli malklarigas, sonĝvuale kunigas du bildojn, tiun de la plej homa Homo, deveninta el la gento de Davido kaj pelita al juĝejo de samrasanoj, kondamnita je morto de romaj juĝistoj, kaj tiun de la ruman-grek-franca-rusa eterna migranto, pri kiu oni nun nomas stratojn kaj urbojn, al kiu oni starigas statuon eble sur la sama loko, kie — kiam li vivis — oni batis eĉ ŝtonumis lin ĝis sango . . . aro da sennomuloj, la famegan, sed pro ftizo senfortan solulon . . . Sed la Spiriton de l' Homo ne sukcesis sufoki la haladzo de l' subteraj katakomboj: eĉ la plej krudan vintrofroston venkas la milda Printempo.

*Tiberio Morariu.*

JOSEF MARIA FRANK: DIE LETZTEN VIER VON ST. PAUL. (La lastaj kvar de St. Paul.) Katenanta libro de aventuroj. Ne nur al la heroajo de malgranda aro da kuraĝaj homoj la verkisto metis ĉi tie monumenton. La romano de Frank ankaŭ disputas pri »aventuroj« en malbona senco. Jen estas aro da senskrupulaj spekulistoj, kiuj por sia riĉiĝo vivigas absurdan fondajon, per tio metas tutan landon en specon de orebrio, alproprigas al si la ŝparmonerojn de la malriĉaj homoj, kiuj blinde obeas al la reklamtamburo, ĝis la trompkonstruajo fine mizere pereas, enterigante sub si la vivon kaj havajon de multaj homoj.

Intage — la historio okazas en Francujo — venas la ideo, establi sur la malgranda insulo St. Paul, en la hinda oceano, palinurofiŝistejon: riskema projekto, kiu, lerte komencita, kaj propagandita kun sperta publikokono, eltiras la monon preskaŭ magnete el la poŝo de amaso da facilkreduloj. Sub la gvido de la bonega kapitano Pieter Streuvel oni dungas ŝipistojn dum la vojaĝo, plimultigas ilian nombron el la loĝantoj de la sudmaro kaj entute veturigas ilin al St. Paul. Tie la palinur-kaptado komence ŝajnas sukcesi laŭespere. Post kelka tempo tamen montriĝas, ke la afero ne estas sufiĉe profitdona. La ruza kompanio malsukcesas kaj la gvidanta viro pafas al si kuglon en la kapon. Post la likvido kaj la vendo de la ŝipoj veturadantaj inter Le Havre kaj St. Paul, neniu plu zorgas pri la malproksima insulo kaj pri la tien sendita areto da homoj. De tago al tago tiuj sopire atendas la boaton, kiu devus, laŭ interkonsento, ilin hejmenporti. La nutrajoj ĉiam pli malsufiĉas, malsanoj, antaŭ ĉio skorbuto, komenciĝas, la plej multaj mortas, sur la soleca kaj forgesata insulo, mizeran morton. Fine restas nur ankoraŭ kvar homoj: Streuvel, lia brava edzino kaj du kamaradoj, irlandano kaj danlandano. Fakte, en la lasta minuto, okazas la mirindaĵo de saviĝo, la bravajn homojn kunprenas vaporŝipo de la White Star Line (ke tiel okazas, estas rec mirindaĵo por si mem), kaj portas ilin en la hejmlandon. Sed la vivo apenaŭ haltas eĉ unu sekundon, kvazaŭ nenio eksterordinara estus okazinta. La sortkomuneco de la kvar malligiĝas, ĉiu el la viroj trovas aliloke postenon sur ŝipo. Antaŭ la elvojaĝo ili lastfoje kunsidas en Café de la Paix, sur la bulvardo de la Capucines: adiaŭtrinko — estas dirataj nur malmultaj vortoj; Dio scias, ĉu kaj kiam oni denove renkontiĝos.

Josef Maria Frank pruviĝas bonega rakontisto de la buntmovaj kaj incitaj okazaĵoj, inter kiuj precipe la priskribo de la restado sur St. Paul, la kreskantaj mizeroj kaj malfacilaĵoj, la tiatempe malkaŝe sin montrantaj karakteroj vekas la plej fortan intereson. Por la ekkono de la ĉarma pingven-paro, la vireto baptita »Harold« pro la simileco al Lloyd kaj lia kunulino nomata »Mikimuso« pro la samaj motivoj, ni restas precipe dankemaj al la verkinto. La homoj, kiujn li prezentas, ne ŝajnas konstruitaj celobjektoj, sed, pro la malkaŝa montro de sia karaktero en bono kaj malbono, ili efikas ĉiam vere, pro kio la intereso restas daŭre viva pri ili kaj pri ilia sorto. *F. W. V.*

THASSILO V. SCHEFFER: DIE KYPRIEN. (La »Kyprien«). Helena eposo en dekdu kantoj.

La konata Homer-tradukanto faris al si la treege malfacilan kaj samtempe ĉarmplenan taskon, rekonstrui el la malmultaj restaĵoj kaj malriĉaj raportoj tiun antikvan eposon, en kiu estis prezentita la antaŭhistorio de la Trojana milito, kaj novkonstrui antaŭ ni kiel tutan, vivantan poezian verkon. La eposo, kiun la antikvuloj atribuis pleje al Homero mem aŭ al ties bofilo Stasinos de Kypros — pro tio la nomo »Kyprien« —, tre daŭre influis la lirikon kaj dramon de la grekoj kaj romanoj kaj ripete inspiris ankaŭ la arton de la postaj tempoj ĝis la nuna tempo. En ĝi estas ja pritraktitaj tiel famaj kaj grandiozaj okazaĵoj, kiel la edziĝfesto de Thetis, la Paris-juĝo, la rabo de Helena, la oferado de Ifigenia k. a. Scheffer dividas la ampleksan ŝtofon en dekdu kantojn, kies enhavo kaj formo alĝustiĝas al la antikvaj fontoj aŭ modeloj, ne kaŝante tamen la nuntempoproksimon kaj la germanan spiriton de la verkinto. Kelkfoje la »modernigo« troas, kiel ekzemple en la tro subtilaj psikologiaj motivadoj aŭ en la tro detalaj priskriboj. La verkinto mem akcentas en la enkonduko kaj en la finvortoj sian propran »kredon al la antikvaj dioj« kaj al ties »graco«, kio certe impresas malsincere kaj mirige. Sed en la tuto, la libro prezentas rekonstruoprovon faritan kun klera scio kaj poeta povo, indan por esti metata apud »Aĥilleis«, plano de Goethe.

*F. W. V.*

(V.) L. MILOSZ: MIGUEL MANARA. L. Milosz estas granda poeto nuntempa, kiun, laŭ sia kutimo, la oficiala kritiko ignoras. Ne gravas. La vera poezio ĉiam sukcesas trovi la vojon al la elito de tiu *amaso*, kiun oni tiom ofte insultas kaj kalumnias.

Milosz naskiĝis en majo 1877 en la historia parto de Litovio. Krom sia rimarkinda ĉefverko *Miguel Manara*, li publikigis plej diversajn verkojn, kies temon li ofte ĉerpis el la Biblio.

Sed li estas eble la sola poeto, kiu malkovris la veran animon de Don Juan. Multaj vidis nur la eksteron de la figuro, sed ne penetris ĝian intiman esencon. Escepton ni tamen faru pri Mozart, kies genio divenis la spiritan potencon de la heroo.

Oni kutime asertas, ke Don Juan devenas el Hispanlando, kaj Don Juan Tenerio, favorato de Petro la Kruela, reĝo de Kastilio, estas laŭdire tiu, kiun famigis la legendo. Li estis efektive vulgara bandito, kiu rabis la virinojn, murdante iliajn amantojn, edzojn aŭ patrojn. Kaj oni ankaŭ diras, ke pro ĉiela puno tiu banala krimulo fariĝis heroo. Tirso de Molina, en sia kurioza Burlador gloras la malvarman kruelemon de la Eterna Deloganto kaj priskribas, kun tre rafinita arto, la diversajn fazojn de lia puno. La aliaj Don Juan-oj de la mondliteraturo ne multe diferencas de tiu prototipo, kvankam oni ĝenerale, post la puno, alvokas sur la Pekulon la efikon de la dia pardono.

Tamen, la vera donjuanismo evidentiĝas, laŭ Milosz, en tute alia sfero. La regemo radikiĝinta en la homa animo identas kun la plej arda deziro al la supera amo. Ĝia logika rezulto kondukas al la sankteco. Miguel Manara apartenas al tiu tipo de Don Juan-oj. La aŭtoro konceptis sian heroon antaŭ ol li ekkonis la vivon de la fama hispano, kaj oni povas rimarki, ke *tiu Don Juan* jam koncipiĝis en liaj antaŭaj libroj, nome *La Sep Solejoj* kaj *La Ama Inicado*.

La kutima donjuanismo estas erara kaj senbrida rimedo satigi la ĉefan bezonon de la Estaĵo. Multobligante plej altgrade la elektivan altirpovon, kiun kondiĉas la gener-instinkto, la homo posedanta neordinarajn spiritfortojn serĉas de virino al virino la fuĝan fantomon, la senliman amon. Post ĉiu nova venko, nova elreviĝo forpelas la Deloganton kaj lin grade kondukas al senespero. »Mi traktis Venuson unue kun furioza pasio, kaj poste kun malico kaj naŭzo« diras la protagonisto.

Nur la mistika forto transpaŝas tiajn spertojn, ĉar



Vermeer van Delft: *Laktverŝanta knabino*

la dia kompato montriĝas senfina. Don Miguel ekkonscias pri la Vero. Li sopiras al *animoj* — al la netuŝebleco de nekoruptebla substanco. Sed kiel kapti tiujn animojn per karnaj manoj? Don Miguel fariĝas fratulo en la Hospitalo de la Korfavoro kaj promesas kisi la putran vundon de mizerulo ĉe ĉiu konvertiĝo de maŭro. Kvardektrifoje li plenumas sian promeson. Li kisas kaj lavas ĉiutage la piedojn de la mizeruloj kaj malsanuloj. Per multjara disciplino li fine sukcesas atingi la staton de *pacienco* . . . Kaj kiam la Spirito de la Ĉielo lin vokas, li respondas: »Jen mi venas. Jen via frato, ho Magdalena!«.

(V.) EDOUARD BOURDET: LA PRISONNIERE. La socia liberiĝo ne helpos al la virinoj pli bone sin koni. Tiom misteraj ili montriĝas eĉ al si mem, ke — ni ne miru pri tio — nur tre malofte la viroj sukcesas penetri ilian animon. Kompreneble la vira fiero kutime fanfaronas pri funda kono de kampo ankoraŭ nekonata. Nur kelkaj raraj privilegiuloj, dank' al preskaŭ virina intuicio, povas kompreni la virinojn, kiujn ili amas. Sed se temas pri apartaj virin-tipoj, ekster la ordinaraj klasoj, ankoraŭ pli sekretaj kaj pli fremdaj, ĉar allogitaj nur de siaj samseksanoj, tiam la viro perdiĝas en la plej komplikita labirinto.

Kvankam Edouard Bourdet posedas tre fortan inklinon al la satiro, li tute ne traktis la temon kun ironio. Kaj li pravis, ĉar pro ĝia objektiva kaj sobra tono tiu teatraĵo jam akiris al si eminentan lokon sur la scenejo.

Libro sufiĉe venena de Marcel Proust kaj la romano *La Bonifas* de Jacques de Lacretelle jam preparis la publikon kaj kreis la necesan atmosferon, kiam oni unuafoje ludis la *Prisonnière*. Okazis nenia skandalo. Verdire la maniero de la aŭtoro estas neniel provoka. La ĉeffiguro, Irène de Montcel, sentas sin absolute sola kaj senhelpa meze de purmoraj familianoj kaj amikoj. Kun nedubebla sincero tiu junulino turnas sin al sia samaĝa amiko, Jacques, kiu ŝin amas kaj kiun ŝi volus ami, se ŝi povus. De li ŝi atendas *la savon* kaj siaflanke tre fervore klopodas. Sed tiu eterna fatalo, kiu regas la tragedion de Racine aŭ Ibsen, forkondukas ŝin reen kiel malbenitan anĝelon al la volupto, kiun ne partoprenas la viroj.

La temo de la edziniĝo, kiun Irène helpopete provas, kaj tiu de la memfido flanke de la fianĉo, spite al la plurfojaj konsiloj de liaj amikoj, pruvas la tre grandan arton de la aŭtoro. La scenaranĝo estas senriproĉa. Ekzemple oni tute ne vidas la misteran sinjorinon d'Aiguines, kiu incitis ĉe Irène la disvolvon de nesupozata eksternorma inklino. En la tria akto, kiam la tuta dramo perceptiĝas kvazaŭ nur per aludoj, oni fine vidas la geedzojn, kiujn ne ligas ama sento, forlasi la hejmon por siaj respektivaj destinoj.

(V.) MARCEL BRION: FOLIE CELADON. Antaŭ ol akcenti la meriton de tiu libro, ni devas unue prezenti ĝian temon. La aŭtoro supozas, ke en 1930 aventurema vojaĝanto deziras viziti konstruaĵon en stilo rokoko, nomitan Céladon-pavilono kaj situantan en Mühlenheim, en la valo de la Lena, inter Wien kaj Salzburg. Sed la vojaĝanto alvenas tro malfrue, ĉar jam en 1925 incendio detruis la pavilonon, en kiu tiam pereis ĝia posedanto, la grafo de Mühlenheim kaj ĉiuj liaj invititoj. Tiu okazaĵo povus impresi kiel tute banala akcidento, kaŭzanta momentan konsterniĝon ĉe la vojaĝanto. Sed la aŭtoro ne emas kredi je senkonsekvencaj akcidentoj: certe ia mistero devas kaŝiĝi en tio. Tamen ne atendu misteron de la detektivromana speco. La sekreto troviĝas en alia sfero, kaj la sagaca vojaĝanto klopodas ĝin malkovri.

La tuta romano disvolviĝas sur tri diversaj planoj. Unue, popola klaĉado kaj supraja enketo fare de la loka gastejestro; poste, atesto de amiko de la grafo, kiu forlasis la pavilonon kelkajn horojn antaŭ la akcidento; fine, revelacio, aŭ pli bone intuicio, pri la tuta okazaĵo en la animo de la vojaĝanto. Tiamaniere oni pograde proksimiĝas al la solvo kaj la psikologia streĉo intensiĝas de paĝo al paĝo.

El la rakonto de la gastejestro ni scias pri la plej notindaj figuroj inter la invititoj de la grafo: Helmut Hellmann, fuŝita komponisto, speco de muzika pajaco; la barono Hunenberg, grandsinjoro mizeriĝinta; la romanverkisto Bernhorst; Tiger, junulo amita de du virinoj, Erika, talenta kantistino, kaj f-ino Sadwitz, kiu pro senespero aĉigis sian vizaĝon, tiel ke unu flanko estas ankoraŭ belega kaj la alia abomena; fine maljunaj geedzoj, la Ortgut-oj, ruiniĝintaj pro industria bankroto.

Kiamaniere la vojaĝanto trovu la sekreton? Li jene prezentas sian impreson: »la penso, ke ĉiu homo vivas en aparta propra mondo, nepenetrebla al mia rigardo, min furiozigis kaj mi ne povis imagi pli ekscitan ĝuon, ol ricevon de konfeso. Sed de vera konfeso, kompleta sen-

# Vivospertuloj

— Stephan Zodel —

Ja geedzoj Hofer! Ambaŭ portas preskaŭ sepdek jarojn sur la dorsoj kaj tamen: la dorsoj ankoraŭ ne estas kurbiĝintaj, eĉ ne iomete. Forte kaj firme tiuj gemaljunuloj staras sur la tero hejmlanda kvazaŭ arboj, kiujn ventegoj hardis kaj fortigis. Kaj ke ili travivis ventegojn, tion montras la postsignoj en la vizaĝoj: la faltoj kaj sulkoj multnombraj.

Rigardu iliajn manojn malglatajn de la laboro! Kaj iliajn okulojn malklarajn, senbrilajn — kion ili jam vidis! Kiom da pensoj jam naskiĝis en ilia cerbo! Kiom el ili tuj post la apero estingiĝis kaj kiom el ili restis, engravuris sin, naskis aliajn kaj ree novajn! La kapoj de tiuj du homoj: kiajn konservujojn ili prezentas! Scioj, impresoj sennombraj, memorajoj plej diversaj, spertoj bonaj kaj malbonaj amasiĝis senlaŭte en tiuj konservujoj unikaj.

Ĉu povas ankoraŭ io okazi en la mondo, kio estas fremda al tiu homa paro, kio povus ĝin surprizi? Li kaj ŝi iam estis infanoj, ili ĝuis la infanan liberecon, la junajn jarojn senzorgajn. Ili kreskis kaj fariĝis gefraŭloj. Sekvis la ĝermado de l' amo, la maturiĝo, geedziĝo, gepatreco. Tiuj homoj, ili travivis la naskiĝon de homidoj kaj estis atestantoj, kiel homoj mortis. Kaj malsanoj? Ho, la geedzoj Hofer povus multe rakonti pri tiu ĉi ĉapitro! Kaj ne nur unu fojon la mizero estis ilia persista gasto seninvita!

Milito terura, katastrofoj elementaj, ofta ŝanĝiĝo de politikaj cirkonstancoj, revolucioj, skandaloj, kalumnioj, seniluziiĝoj, kanajlaĵoj, humiligoj — ĉio ĉi ne forrestis el la vivo de tiuj homoj. Ili lernis ĝoji, plori, suferi, malsati, esperi, rezigni . . .

Se tio, kio engravuris sin en la cerboj, kio enprofundigis sin en la koroj, en la animoj ekde la infanaj jaroj ĝis nun, se tio estus laŭtigebla kvazaŭ gramofondiskoj — kian muzikon strangan ni aŭdus!

Antaŭ nelonga tempo, kiam la geedzoj Hofer troviĝis en la rondo de sia tuta granda familio (la gefiloj ja mem formas jam familiojn) unu el la filoj ŝerce demandis: »Nu, gepatroj karaj, ĉu vi ne emus esti denove junaj, sed posedante la ĝisnunajn vivospertojn tiom abundajn?«

»Ne, ne, ne!« estis la respondo. »Niaj ĝisnunaj vivospertoj, ho, ili lamigus, ili katenus nin! Anstataŭ esti kuraĝaj, agemaj kiel gejunuloj, ni estus ĉiurilate hezitemaj, pripensemaj kiel gemaljunuloj — pro niaj vivospertoj. Ĉu vi do opinias, ke tio taŭgus? . . .«

Nur unu aferon niaj du maljunaj homoj ankoraŭ devas sperti, *nepre* sperti, nome — morti. Sed tiu ĉi sperto dum la vivo ne estas necesa, ne bezonata.

vualigo, kiu malfermas kaj ĝisfunde montras la homan konsciencon. La esploro fariĝis al mi viv-bezonaĵo kaj mi gvate atendis la momenton, kiam subite la malamiko *apertos sian faŭkon.*« Tio estas ankaŭ la sinteno de la verkisto mem. Kaj la *Folie Céladon* impresas malpli romano, ol studo pri verkebla romano, fare de tre sperta fakulo.

Kvar jarojn poste la vojaĝanto renkontas la amikon de la grafo de Mühlenheim, Carston, kiu mirakle saviĝis el la katastrofo. Kaj tiam aperas alia ideo de la libro: la rokoko, lasta flagro de tro rafinita civilizo, devas tragike malaperi. Dram-strečeco, melankolio kaj funebra antaŭsento latente troviĝas en ĉiaspeca rokoko. Kaj efektive la tuta rakonto ke Carston faras la proceson de la rokoko. La Céladon-pavilono estis konstruita sur insuleto meze de la Lena. Dum inundo, la grafo kune kun siaj invititoj, enfermiĝis en la pavilono, trinkante Rüdesheimvinon kaj ludante Mozart. Vi pensas eble, ke tia situacio ne indas kompaton. Nu, memoru, ke tiuj izoluloj estas sencelaj estaĵoj fuŝintaj sian vivon. Kun amaro ili pasigas siajn lastajn tagojn, konfesante unu al la aliaj plej intimajn sekretojn post kio ili sin reciproke abomenas kaj endanĝerigas. Oni ja ne senpune forlasas ĉian dignon, ĉian honton; oni ne povas plu toleri kunulon al kiu oni malkovris la *nekonfeseblan.*

Nun jam klare aperas la tragedio de la lastaj momentoj: La febra senespero de Bernhorst, kiu sopiras kataklismon por forgesigi la personajn malsukcesojn; la sakrilegio de Hellmann, kiu provas parodii la genion de Mozart; unuvorte la venĝ-furiozo de ĉiuj humiligitaj. Por doni indan finon al tiu ĝenerala masoĥismo, la grafo de Mühlenheim pretigas grandiozan regalon: raketan artfajrajon, aranĝitan tiamaniere, ke ĝi ekbruligu la pavilonon, en kiu pereos la malfeliĉuloj.

Vi povas imagi la originalecon de tia verko, kiu neniel similas al la ordinaraj legaĵoj. La *Folie Céladon* vere apartenas al la kulturaj romanoj, speco plej malmulte reprezentita en la fikcia literaturo, kaj indas esti metita apud *Wilhelm Meister, A Rebours* kaj *le Vojage de Shakespeare.*

(V.) LA CREATURE, tri aktoj de Ferdinand Bruckner. S-ro Pitoeff estas tia talenta aktoro, ke li scias veki admiron eĉ en mezbona teatraĵo, kondiĉe ke tiu senrezerve insultas la homan dignon. Ju pli ĝi kalumnias la vivon, des pli ĝi konvenas al li. En fuŝ-rolo, li ĉiam eminentas: en la infero, li senrivale majstras. Ĉar laŭnome la ĉeffiguro de *La Créature* estas *viro,* s-ro Pitoeff montriĝas kvazaŭ destinita por eniri karceron, por drinkaĉi, kanajliĝi, trompimiti subskribojn, sin kredi geniulo, perforti virinojn sen tamen ilin murdi, ĉar nenion li povas finfari. Oni devas malbeni lian rolon kaj laŭdi lian admirindan kapablon.

La heroo de Bruckner, Alfred Troik estas revulo el la plej aĉa speco. Kaj lia morala edukado estis tiom neglektita, ke li fariĝis speciale danĝera tipo. Lia fratino Florence, ankoraŭ pli perversa, pro senbrida kaj nenormala inklino lin retenas en senenergia stato kun sopiro al demona vivo. Sed estante nur kompatindaj estaĵoj, ili devas plej amare seniluziiĝi.

Ni kredis, ke la epoko de l' *germana impresionismo,* tipo 1920, jam delonge pasis, sed s-ro Bruckner havas sendube alian opinion. Dum tri aktoj li volas, ke la publiko sin kredu en frenezulejo aŭ en instituto por psikaj malsanoj. Ĉu li ne povus uzi sian talenton por pli sanaj konceptoj, ol tiuj sensukaj karikaturoj de Nietzsche aŭ Dostojevski?

(V.) NOVA LIBRO PRI SHAKESPEARE. La vivo de Shakespeare, ankoraŭ multrilate mistera, senĉese incitas la scivolon de la biografoj. Ĝiaj vastaj nekonataj kampoj nerezisteble invitas la fantazion al vagado kaj ebligas la plej aŭdacajn konjektojn. Lastatempe la studoj pri la fama poeto rimarkinde multobliĝis. La grafino de Longworth-Chambrun, kiu per kelkaj valoraj libroj, kvazaŭ *revivigis* lin, jus publikigis novan libron *Mia granda amiko Shakespeare* (apokrifaj memuaroj de la aktoro John Lacy), en kiu plej subtile miksiĝas lertaj fikcioj kaj gravaj malkovroj.

En la komenco de sia kariero, Shakespeare klopodas verki, laŭmende por la edziĝo de la grafo de Essex, mitologian teatraĵon, en kiu devas figuri Hipolita, reĝino de l' Amazonoj, kaj Tezeo, la heroo. Vane li serĉas la inspiron en la peza kaj frosta atmosfero de l' klasiko. Subite li ricevas leteron de Ann Hathaway, lia kampare freŝa edzino, kiun li lasis en Stratford, por riski sola la grandan Londonan aventuron. Tiu letero rakontas en vigla kaj senpera stilo inundon de l' Avon. Al Shakespeare ĝi ŝajnas plena de kampaj rememoroj, de fojnodoro, kaj ĝi alportas al li la miraklan inspiron. Tiel naskiĝis la *Somernokta Sonĝo.*

S-ino Longworth-Chambrun ankaŭ proponas al ni tre simplan solvon por la ĝis nun nesolvebla enigmo pri la fama bruna sinjorino de la Sonetoj. Tiu fatala belulino estus neniu alia ol Nancy Davenant, edzino ne tro fidela de Davenant, la Oxforda gastejestro, ĉe kiu Shakespeare kutime haltis dum vojaĝoj de London al Stratford. Kaj efektive, malnova, persista tradicio, jam aludita de la unua biografo de Shakespeare, atribuas al ĉi lasta la patrecon de Sir William Davenant, verkisto siatempe fama. Ŝajnas, ke neniu antaŭ s-ino Longworth-Chambrun serioze okupiĝis pri la rolo de Nancy en la vivo de ŝia amanto.

Sed, laŭ la aŭtoro, multe pli gravas la rolo de la katolikismo en la kariero de la poeto. Ŝi faris pri tio atentvekajn malkovrojn en la angla nacia arkivo. Ŝi sukcesis trovi i. a. la protokolon faritan okaze de la laŭdire papana komploto en la regiono de Stratford, dum la junaĝo de Shakespeare. Kelkaj el liaj parencoj estis akuzitaj pri partopreno. Dank' al tiu dokumento, la rilatoj de Sir Thomas Lucy kun la juna poeto aperas en nova lumo. Oni scias, ke la junulo estis persekutata pro ŝtelĉasado en la bieno de tiu grava kaj etmensa sinjoro, kiu lin rigardis suspektinda ido de danĝera familio. Tio klarigas la fuĝon al London.

Kaj jen afero ankoraŭ pli interesa. En 1601 poeto nomata Chester publikigis eseon *La Martiro de la Amo,* en kiu aperas apud la malnova mito de la Fenikso reviviĝanta el siaj cindroj, kolombo kiel simbolo de la eterna amo. Shakespeare verkis mallongan poemon pri la sama temo. Sed li ne nur gloris la perfektan unuiĝon de la fenikso kaj kolombo, kiuj mortas en la sama

## Ŝekspir-adorantino

— Leo Belmont —

De maten', knabino, sidas
Kaj Ŝekspiron studas... Van'!
Ne kombita via haro,
Ne lavita estas man'...

Do Ŝekspir' vin pli instruu:
Malgraŭ sia sort-malbon'
Lavas manojn lady Makbet,
Kombas harojn Desdemon'!...

*(El »Rimoj kaj Ritmoj«, 1900.)*

El la pola: *la Aŭtoro.*

## El „Ovidius"

Se sur la bruston blanketan malica ekfalis polvero,
Estu ĝentila kaj tuj prenu rapide ĝin for...
Aŭdu, junulo! se tamen nenia surfalis polvero,
Vi ja nenian kun ĝoj' volu forigi de l' brust'!

El la latina: *Leo Belmont.*

flamo; li forigas de tiuj mistikaj amantoj precipe la fatalan strigon kaj ĝenerale ĉiujn tiranemajn bestojn. Malmultaj alegorioj tiom turmentis la scivolon de la komentistoj. Nu, s-ino Longworth-Chambrun trovis ŝlosilon al la mistero, kaj oni devas rekoni, ke ĝi mirinde konvenas al la seruro. Temas pri du katolikaj martiroj; la fatala strigo estas la reĝino Elizabeth, kiu persekutis ilin. Jam per la prezentado de *Richard II*, Shakespeare montris tre grandan aŭdacon, ĉar kiom ajn vualitaj povis esti liaj esprimoj, ili tamen rekte atakis la teruran maljunan reĝinon.

(V.) G. KERSCHENSTEINER: GRANDA AGANTO EN LA PEDAGOGIA REVOLUCIO. La revolucio? Tie ĝi estas. Oni ĝin ne vidas aŭ neas. Aŭ eble oni ĝin antaŭsentas kaj volas ekspluati. »De longe mi ĝin profetis kaj anoncis; sed min oni ne volis kredi!« — »Sed, sinjoro, via revolucio apartenas al la antikva historio: ĉe ni jam de 50 jaroj ni tion faras!«. La plej grandaj malamikoj de la necesa revolucio, bazita sur scienco kaj saĝo, estas ĝiaj etmensaj kaj tro fervoraj amikoj. Ili senfine penadas por moderniĝi. Mezbonaj rezultatoj. La publiko spitas: »Vi ja vidas, ke tiuj novaj metodoj kondukas al nenio!«. Inter tiuj danĝeraj »amikoj«, necesas mencii unuarange la moderulojn, kiuj zorgante pri »adapto« de la teorioj — laŭ ili tro eteraj — al la ĉiutaga realo (legu: al la meza sentaŭgeco) jungas Pegazon kun la bovo. Ĉiuj novigantoj, flamigitaj per konvinko rezultanta de genia intuicio, suferas tiun laŭgradan subvalorigon de sia evangelio, tiun poioman sensukigon de sia doktrino fare de proksimaj kaj foraj disĉiploj, kiuj sin kredas tiaj, kiuj sin nomas tiaj.

Mi pensas, ke tiu malakordo estas nepra. Bedaŭrinda, sed neevitebla, ĉar kondiĉita de la mensa senpoveco esence propra al la mezgrada homo. Tamen, apud la geniuloj, ekzistas talentuloj.

Georg Kerschensteiner, la granda renoviganto de la metiaj lernejoj en München, estas unu el tiuj talentuloj, kiuj meritas la rekonemon de la homoj. Eble pli ol iu ajn funkciulo de la publika instruado, li kontribuis por krei tiun ligilon inter la teorio kaj praktiko, sen kiu oni konstruas nur sur sablo.

Dudekdujara, G. Kerschensteiner ankoraŭ ne sciis, ĉu li fariĝos matematikisto, naturscienculo aŭ profesoro. Sed li estis tre aktiva homo, kun persistema kaj esplorinklina spirito. Ricevinte preskaŭ neatendite la postenon de lerneja konsilanto en München, li sciis ‚dank' al sia tre varia kono, novigi kaj laŭscience pretigi kampon ĝis tiam neglektitan, tiun de la metilernejoj. Li enkondukis en ilin precizan kaj bone gradigitan manlaboron, kaj, kio pli gravas, iniciatemon kaj memregadon. Li sukcesis. Li provis reformi ankaŭ la elementan instruadon. Li fiaskis, pro netaŭgeco de la instruistaro. Li klopodis plibonigi la pedagogian gimnazion. Tiam, ĉe la superaj instancoj, oni opiniis lin vere tro antaŭenirema — tro fora de la nuntempo. La konformismo venkis. Oni lin eksigis...

Lia eksperimento daŭris 25 jarojn (de 1900 ĝis 1925). Li mortis en 1932.

Tamen tiu klarvida moderulo, tiu organizanto kunigita kun scienculo kaj filozofo estis prava. Oni tion pli kaj pli rekonos. Lia doktrino estas tiu de la scienco mem — scienco de la nunaj kleruloj, scienco de la venonta generacio. Kaj kia estas tiu doktrino? Per kio ĝi distingiĝas de la ĝisnuna? Facile estas tion evidentigi. Ni donu la formulon: la estonto distingiĝos de la pasinto, kiel memeduko distingiĝas de eduko. La kuracisto ne kuracas la malsanon: li helpas al la sana energio de la malsanulo mem por triumfi super ĝi. Same por la edukisto.

»Oni ne sufiĉe konscias, — skribas f-ino Elisabeth Huguenin en la bela libro, kiu inspiras al ni tiujn ĉi rimarkojn*) — ke la kulturevoluo estas la rezultato de la spontaneeco kaj libera primedito de la kulturaj donitajoj. La plimulto de la instruistoj opinias, ke estas necese *devigi* la infanon al la plenumo de sia tasko, eĉ se li ne sentas deziron al tio.« — »Oni povas konduki la ĉevalojn al la trogo, respondas Kerschensteiner, sed oni ne povas ilin devigi al trinkado. Same oni povas al infano trudi mekanikan okupon, kiel lernadon de latinaj vortoj, sed ne tiamaniere oni donos al li la emon kaj volon instruiĝi. Oni povas devigi la eksterajn formojn de l' aktiveco, sed ne la internan konsenton. Fakte, la kulturo estas la rezultato de memvola interna aktiveco.«

En tio kuŝas la tuto. Ĉu ni eraras parolante pri »pedagogia revolucio«? La vorto »reformo« estas tro malforta. Lamarck-a evoluo aŭ abrupta ŝanĝiĝo? Ni diru: logika kaj necesa evoluo de la scienco, sed ŝanĝiĝo ne malpli necesa, kvankam morala, ĉifoje, en la konkretaj faktoj.

Ni devas legi la libron de f-ino Elisabeth Huguenin kaj ŝin danki pro ŝia kontribuo al la socia kaj eduka progreso.

*) »Education et Culture, d' après Kerschensteiner«. Eldonis Ernest Flammarion.

(V.) UGO FOSCOLO EN LA FRANCA LINGVO. Jus aperis en Francujo du gravaj verkoj rilataj al tiu poeto, kiun la italoj prave rigardis kiel unu el la plej emociveka j figuroj de sia literaturo. La unua estas tezo de s-ro Armand Caraccio: *Ugo Foscolo, la homo kaj la poeto (1778—1827)*; la alia estas antologio en la kolekto de la »*Cent Chefs-d'oeuvres étrangers*« (cent fremdaj ĉefverkoj), kompilita de la konata belga eseisto, s-ro Robert Vivier.

La tezo de s-ro Caraccio, montrante la diversajn aspektojn de la vivo kaj verko de Foscolo, prezentas tre utilan kompletigon kaj kvazaŭ komentarion de la antologio.

Foscolo naskiĝis en la insulo Zante, de veneziana patro kaj greka patrino. Li vigle enmiksiĝis en la tiamajn italajn militojn kaj kverelojn, fervore aliĝis al la jakobena partio, batalis por la libero en la armeoj de Bonaparte, kiu lin nomis profesoro de beletristiko ĉe la universitato de Pavia. Post la falo de Bonaparte, li ekziliĝis unue en Svislandon, poste en Britlandon, kie li mortis. Lia tombo kuŝas en Firenze apud tiuj de Michelangelo, Galilei kaj Alfieri.

La plej populara verko de Foscolo estas sendube *La lastaj leteroj de Jacopo Ortis*, imititaj laŭ *Werther* de *Goethe*. Sed lia profunda originaleco plene disvolviĝas en la poemo *La Tomboj* kaj en la fragmentoj de la nefinita liriko *La Gracioj*. Krom la esprimon de la koncepto kaj sinteno, propraj al la romantika homo, oni trovas en tiuj versoj tute individuan tonon, aŭtentikan emocion kaj senperan harmonion, kiuj apartenas nur al Foscolo. Same kiel la anglaj romantikuloj direktas sian intereson al Italujo, li montras inklinon al la angla poezio, kiu lin plurfoje inspiras, precipe en liaj *sublunaj tomboj*. Lia bezono al senmorteco sentiĝas tra la mirindaj bildoj, kiujn li pentras pri la ideala antikva Helenujo.

Ankaŭ la virinoj alportas tre gravan elementon en la poezion de Foscolo, kiu spertis multajn korintrigojn kaj amsukcesojn, kaj havis pri tio koncepton tre similan al tiu de Stendhal. Kaj la kulto al la *gracioj* anstataŭis en lia koro la kulton, al kiu li ne kredis plu. De tio venas lia mistika erotiko, vekita per la memoro de ĉarmaj aventuroj pasie travivitaj.

S-ro Caraccio, same kiel s-ro Vivier, tre alte taksas la *Graciojn* kaj sukcesas nin kunvibrigi en ilia admiro. Tie refoje pruviĝas, ke la poeziaj beloj konsistas el multaj nedifineblaj fadenoj, mistere teksitaj per genia mano. Ŝajnas, ke la Gracioj mem enkorpiĝis en la versoj, tiom alloge kaj delikate ili fluas! Ĉe Foscolo, kiel ĉe la plej grandaj poetoj, ordinara cirkonstanco kaj banala objekto povas veki inspiron: la vespero de festotago, geamantoj en boato sur lago, babilo sur balkono kaj mil aliaj detaloj, kiuj sub lia plumo fariĝas eternaj. Necesas tre malmulte: ia subtila nuanco, ia vorto en la ĝusta loko, ia nova akcento en la ritma modulado, por ke poemo venku la tempon. Tiun rafinitan arton funde konis Foscolo, kiu lasis personan kaj neimiteblan signon sur la komuna proprajo de sia epoko.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.